# Heleco




## Pres-organo de:
## Astura Esperanto-Asocio



Numero 73 Decembro 1993

Adreso de A.E.A.
Strato Begoña, 25
33206 - GIJON
Telefon-numero: 5 34 19 18

Dirección de A.E.A.
Calle Begoña, 25
33206 - GIJON
Teléfono: 5 34 19 18

| Enhavo | Paĝ | Contenido |
|---|---|---|
|  |



Leĝa Registro, n-ro 0/319/85

Depósito Legal, número 0/319/85

La partoprenantoj de la Oficiala Antaŭkongreso en Barcelono de la 78-a Universala Kongreso de Esperanto, Hispanio 1993, deklaras jenan

# Rezolucion

1. Subskribintoj de la Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj devas nepre respekti ĝin.
Individuaj homaj rajtoj en tuta mondo, estas ankaŭ en akordo kun la celo de la Interna Ideo de Esperanto.

2. La artikolo 3 diras: **ĉiu havas la rajton je vivo, libereco kaj persona sekureco.**
Pro tio ni forte protestas kontraŭ ĉiu perforto.

3. Ni apelacias al Internaciaj Instancoj uzi siajn influon kaj povon, por ĉesisgi la teruran kaj brutalan militon en eksJugoslavio, kie ĉiutage pereas la homoj.

4. Ni protestas kontraŭ ĉiu diskriminacio: lingva, kultura kaj religia. Antaŭ ĉio kontraŭ la "etna purigado". Ĉiu etna grupo havas rajton je propraj kulturaj valoroj.

5. Ni, pli ol cent tridek ĉeestantoj de tiu Antaŭkongreso, venintaj el kvin kontinentoj, dudek du landoj, diverskoloraj, de diversaj religioj kaj diversaj naciaj lingvoj, montras ke per la Internacia lingvo Esperanto, ĉiuj baroj estas for, kaj ke oni povas esti kune en amika, tolerema kaj paca atmosfero.

Los participantes del Precongreso Oficial en Barcelona del 78° Congreso Universal de Esperanto, España 1993, aprueban la siguiente

# Resolución

1. Los firmantes de la Declaración Universal de Derechos Humanos deben respetarla ineludiblemente.
Los derechos humanos del individuo en todo el mundo, están también de acuerdo con el objetivo de la Idea Interna del Esperanto.

2. El artículo 3 dice: **todos tienen derecho a la vida, la libertad y la seguridad personal.**
Por eso protestamos enérgicamente contra toda violencia.

3. Apelamos a las Instancias Internacionales para que usen su influencia, para poner fin al la terrible y brutal guerra en ex-Yugoslavia, donde perecen hombres cada día.

4. Protestamos contra toda discriminación: de lengua, cultura y religión. Sobre todo contra la "limpieza étnica". Todo etnia tiene derecho a sus valores culturales.

5. Nosotros, más de 130 asistentes a este Precongreso, venidos de cinco continentoj, 22 países, de diversas razas, religiones y lenguas, mostramos que por la Lengua Internacional Esperanto, todas las barreras desaparecen, y que se puede estar juntos en una atmósfera de amistad, tolerancia y paz.




## Kongresa temo:
### Klerigo por la 21-a jarcento

Ĉiu Universala Kongreso de Esperanto havas sian propran temon aŭ ideon, ĉirkaŭ kiu disvolviĝas la laboro de la specialistoj partoprenantaj en tiuj forumoj. La ĉi-jara U.E. Kongreso en Valencio dediĉis ĝian atenton al la temo esprimita per ***Klerigo por la 21-a jarcento***. Tiu ĉi temo estis kvazaŭ la kerna ideo de la esperantista renkontiĝo. Multaj intervenoj de la kongresistoj, samkiel grandparto el la konferencoj de la Kongreso, kaj eĉ iuj el la fakaj kunvenoj, estis inspiritaj de tiu ideo aŭ disvolvis diversajn aspektojn de tiu diversflanka afero, ĉar se la esperantistaro sin deklaras parton el la spirita avangardo de la homaro, ni devas fari nian kontribuon al la homa klerigo.

Ne eblas en tiu ĉi artikolo fari ampleksan priskribon de ĉiuj debatoj kaj kontribuaĵoj de la diversfakaj specialistoj pri multaj aspektoj de tiu interesa afero. Sed ni volas almenaŭ fari ian recenzon, eĉ se supraĵa, pri la ĉefaj teoriaj laboraĵoj kiuj havis kiel fono la okupiĝo pri la klerig-sistemoj por la jam

## Tema congresual:
### Educación para el siglo XXI

Cada Congreso Universal de Esperanto tiene su propio tema dedicado, en torno al cual se desenvuelve el trabajo de los especialistas asistentes. El Congreso U. de Esperanto de este año en Valencia dedicó su atención al tema **Educación para el siglo XXI**. Este tema constituyó la idea central de este encuentro esperantista. Muchas intervenciones de los congresistas, así como gran parte de las conferencias del Congreso, e incluso algunas de las reuniones de la diversas especialidades, se inspiraron en diversos aspectos de este tema multifacético, ya que si el esperantismo se declara parte de la vanguardia espiritual de la humanidad, debemos contribuir a la educación humana.

No es posible hacer en este artículo una descripción amplia de todos los debates y contribuciones de los especialistas de sobre los muchos aspectos de este interesante asunto. Pero al menos queremos una reseña, aunque sea superficial, sobre los principales trabajos teóricos que tuvieron como fondo la dedicación al los sistemas de educación para el ya próximo siglo nuevo.

proksima nova jarcento.
Interesa informo estas tiu ke, je la Solena Malfermo de la Kongreso, la Prezidanto de la Hispana Esperanto Federacio, Antonio Núñez Alonso, komunikis al la ĉeestantoj ke, laŭ interkonsento kun la hispana *Ministrejo pri Klerigo kaj Kulturo*, partoprenas la Kongreson unu ministreja observantino, kiu verkos raporton pri ĝi.
Kvar el la sep laborgrupoj estis destinitaj por la debatado de la novaj subtemoj de la programo, postulitaj de centoj da gekongresanoj. La partopreno de la grupanoj en la koncerna temdiskutado estis sufiĉe granda kaj altnivela. La fina raportado de tiuj laborgrupoj vekis ankaŭ la intereson de la cetero el la kongresanaro.
Inter la konkludoj de la laboro de tiuj grupoj, ni volas aparte mencii tiujn, kiuj rilatas al:

- Pacedukado
- Klerigado pri moralaj valoroj
- Plurlingva edukado
- Porinfana klerigo - Klerigado en la Tria Mondo
- Diskriminacio de la inoj rilate al la klerigado

Pri la temo de la edukado por la paco, la koncernaj grupanoj faris multajn alportaĵojn, inter kiuj indas substreki la atentigon pri la neceso de interkulturaj rilatoj por helpi la disvolviĝon de la komprenemo inter la homoj de malsamaj kulturoj kaj kutimoj. Ne estas necese emfazi la gravecon de la rolo kiun Esperanto povas ludi en tiuj interrilatoj inter la diveskuturaj hom-kolektivoj. Oni asertis ankaŭ tion ke, por la paco-konstruado, tre gravas ke la gejunuloj lernu konduti laŭ tiuj kvalitoj kiuj kondukas al interna paco.
Tiu ĉi lasta prikonsidero sufiĉe rilatas al la temaro de alia grupo: tiu, kiu pridebatis la aferon de la klerigado pri moralaj valoroj. Iuj el la partoprenantoj de tiu ĉi grupo faris profundan analizadon de la krizo de moralaj valoroj kiu estiĝis en la nuntempa monda socio rezulte de la ideologiaj ŝanĝiĝoj kaj la malfortiĝo de la religia sento en ampleksaj zonoj. Temante pri la instruado de tiuj moralaj valoroj, estis en la grupo konsento pri la ideo

Una información interesante es que, en la Solemne Inauguración del Congreso, el Presidente de la Federación Española de Esperanto, Antonio Núñez Alonso, comunicó a los asistentes que, según acuerdo con el *Ministerio de Educación y Cultura* español, participa en el Congreso una observadora ministerial, que elaborará un reportaje sobre él.
Cuatro de los siete grupos de trabajo fueron destinados al debate de los temas subordinados del programa, solicitados por cientos de kongresistas. La participación de los miembros de los grupos en la discusión de los temas correspondientes fue bastante grande y de alto nivel. El resumen final de esos grupos de trabajo despertó también el interés del resto de los congresistas.
Entre las conclusiones del trabajo de esos grupos, queremos destacar los que trataron sobre:

- Educación para la paz
- Instrucción sobre valores morales
- Educación políglota
- Instrucción infantil - Educación en el Tercer Mundo
- Discriminación de las mujeres en relación a la educación

Sobre el tema de educación para la paz, los miembros del grupo correspondiente hicieron muchas aportaciones, entre las que merece la pena destacar la llamada de atención sobre la necesidad de relaciones interculturales para ayudar al desarrollo de la comprensión entre los hombres de culturas y costumbres diferentes. No es necesario enfatizar la importacia del papel que puede jugar el Esperanto en esas relaciones entre los colectivos humanos de diferentes culturas. Se afirmó también que, para la construcción de la paz, es muy importante que los jóvenes aprendan a comportarse según las cualidades que conducen a la paz interior.
Esta última consideración se relaciona bastante con el temario de otro grupo: el que debatió el asunto de la instrucción sobre valores morales. Algunos de los participantes de este grupo hicieron un análisis profundo de la crisis de valores morales que se originó en la actual sociedad mundial como consecuencia de los cambios ideológicos y el debilitamiento del sentimiento religioso en amplias zonas. Tratando sobre la instrucción sobre esos valores morales, había coincidencia en el grupo sobre la idea de que no sirve, para nuestra época y para el siglo

ke ne taŭgas, por nia epoko kaj por la 21-a jarcento, la dogma instru-sistemo. La gepatroj kaj la geinstruistoj devas veki en la lernentoj la konscion pri la neceso de morala konduto kaj la emon agadi laŭ pozitivaj valoroj. Tio surmetis antaŭ la debatantoj la problemon de la determinado de kriterioj de moralo kiuj havus universalan karakteron. Sendepende de tio ke ĉi-tiu temo daŭre ne povas esti definitive solvita, estis tamen ĝenerala konsento pri tio ke ekzistas moralaj valoroj komunaj al ĉiukulturaj homoj, ekzemple, la evangelia formulo de morala devo: ***faru al la aliaj kiel vi deziras ke ili faru al vi***.

La grupo kiu traktis la temon de plurlingva edukado ĝisfunde esploris la eblecojn kaj la limojn de tiutipaj eduk-sistemoj. Similaj prikonsideroj, ol ties de ili, pri tiu temo povas esti objekto kaj rezulto de la studo de ne-esperantistaj fakuloj. Sed tiuj ĉi kunvenantoj konas iun lingvan instrumenton -nekonata de la ĝenerala publiko- kiu sukcese povas esti aplikita en tiu tereno: Esperanto, ja, povas plenumi gravan rolon tiurilate.

Alia laborgrupo pritemis diversajn aspektojn de la edukado en la frua aĝo. En la koncernaj debatoj oni insistis sufiĉe pri la graveco de la antaŭ-lerneja edukado, t.e. tiu edukado kiu nur dependas de la gepatroj, kaj la neceso de speciala klerigo al la gepatroj tiucele por ke ĉi-tiuj kapablu stimuli la naturan inklinon de la geinfanoj pri sciiĝo. La sama grupo priatentis ankaŭ la problemaron de la klerigado en la subevoluintaj landoj.

Ne malpli grava estis la temo de tiu laborgrupo kiu okupiĝis pri la problemo de la diskriminacio, ankoraŭ ekzistanta, kaj speciale akra en iuj lokoj, en la klerigado de la infaninoj rilate al ties de la infanoj. En la diskutado pri tiu ĉi temo partoprenis Jane Edwards kaj Ans Baker, membroj de la Komisiono pri virina agado de Universala Esperanto Asocio.

Je la Solena Malfermo de la Kongreso, la Prezidanto de U.E.A. adiaŭis la ĉeestantaron per jena mesaĝo:

*Hejmenirinte, insiste raportu ke Esperanto funkcias. Ni scias tion - multaj ne scias. Partoprenu agadojn, fondu klubojn, perfektiĝu lingve, flegu nian kulturon.*

XXI, el sistema de educación dogmático. Los padres y los maestros deben despertar en los estudiantes la conciencia sobre la necesidad de una conducta moral y una inclinación a obrar según los valores positivos. Esto presentó ante los participantes en el debate el problema de la determinación de criterios de moral que tengan un carácter universal. Independientemente de que este tema aún no puede ser definitivamente cerrado, había también consenso general en que existen valores morales comunes a los hombres de todas las culturas, por ejemplo: la fórmula evángelica de deber moral: ***Trata a los demás como quieras que los demás te traten a ti.***

El grupo que trató el tema de la educación políglota investigó profundamente las posibilidades y las limitaciones de ese tipo de sistemas de educación. Unas consideraciones similares a las suyas sobre este tema podrían ser resultado de estudios similares de profesionales no esperantistas. Pero los reunidos en este grupo conocen un instrumento linguístico - desconocido para el resto del público- que podría ser aplicado con éxito en este tereno: el Esperanto, ciertamente, podría desempeñar un gran papel a ese respecto.

Otro grupo de trabajo trató los diversos aspectos de la educación en edad temprana. En los debates correspondientes se insistió bastante sobre la importancia de la educación pre-escolar, es decir, esa educación que depende sólo de los padres, y la necesidad de una formación especial para los padres como objeto de que éstos sean capaces de estimular la inclinación natural de saber de los niños. El mismo grupo se ocupó también sobre la problemática de la instrucción en los países subdesarrollados.

Ne menos importante fue el tema del grupo de trabajo que se ocupó del problema de la discrimianción, aún existente, y muy aguda en algunos sitios, en la enseñanza de las niñas con relación al de los niños. En la discusión sobre este tema partiparon Jane Edwards y Ans Baker, miembros de la Comisión de acción femenina de la Asociación Universal de Esperanto.

En la Solemne Clausura del Congreso, el Presidente de U.E.A. despidió a los asistente con el siguiente mensaje:

*Habiendo vuelto a vuestros hogares, informar con insistencia que el Esperanto funciona. Nosotros lo sabemos, pero muchos no lo saben. Participar en las actividades, fundar clubs, perfeccionaos sobre el idioma, preocuparos de nuestra cultura.*

*La aktivaj esperantistoj estas ege skribemuloj. Multaj el ili -ni- havas multajn korespondantojn en diversaj landoj, kaj kun ili interŝanĝas ne nur leterojn sed ofte ankaŭ revuojn, poŝtmarkojn, donacojn...*
*La esperantistaj legantoj de nia revuo bone konas tion, sed* **Heleco** *nun estas publikigata ankaŭ hispanlingve destine al ne-esperantista publiko. Por ke ĉi legantaro komprenu la enhavon de la sekva artikolo, estas necese klarigi ke en la E.Kongresoj multaj partoprenantoj penas renkontiĝi kun liaj fremdaj korespondantojn ĉeestantaj la Kongreson. Tio ne estas facile inter homamaso de kelkmilo da kongresanoj, ĉefe konsiderante ke en multaj kazoj ne estas persona interkono inter la korespondantoj se ne estas pere de fotografaĵo, kaj foje eĉ ne tiele. Tio igas necesa la interŝanĝadon de notoj kaj leteroj akordante la okazigon de rendevuoj kaj renkontiĝoj. En la diversaj kongresoj oni penas organizi sistemojn por tiu intensa korespondado interne de la Kongreso. Nia samideano Julio Arguelles priskribas sistemon kiun li elpensis kaj kiun li provis okaze de la ĉi-jara U.E.Kongreso en nia lando.*

# Rendevua Tabulo

*Verkis:* ***Julio Arguelles***

Kelkaj membroj de **Astura Esperanto Asocio** partoprenis en la 78-a Universala Kongreso de Esperanto, en Valecio. Per ĉi artikoleto oni priskribas la formon je kunlaboro kiun iuj el ili efektivigis dum ĝia okazado.
Nun mi povas diri *mi partoprenis en la 78-a Universala Kongreso de Esperanto*; jes, en antaŭaj kongresoj mi ĉeestis, sed ne laboris kiel en ĉi lasta Kongreso. Ĉi-foje mi rolis kiel helpanto de la Loka Kongresa Komitato deĵorante, kune kun mia astura samideano Santiago Mulas, en la **RENDEVUA TABULO**.
Nia iniciato de **Rendevua Tabulo** rezultis tre bonsukcesa; nun mi priskribos la funkciadmanieron de nia elpensaĵo por faciligi la interŝanĝadon de mesaĝoj inter la gekongresistoj. Tiuj, kiuj iam partoprenis Universalajn Kongresojn de Esperanto, bone scias kiom komplika rezultas la afero de la persona kontaktado kaj komunikado inter kelkmilo da ĉeestantoj. Nia sistemo por tion solvi konsistas en tabulo kun listo de ĉiuj numeroj de la kongresanaro. Sur la koncerna numero ni signalis per ruĝa surgluaĵo tiujn kiujn havis mesaĝon adresitan al li/ŝi. Tiamaniere, nur per simpla alrigardo al la tabulo, ĉiu kongresan/in/o povas scii ĉu li aŭ ŝi devas preni sian leteron aŭ pakaĵon. Tiele oni evitis la kutimajn serĉadojn de mesaĝoj el inter granda senorda amaso, kiel, okazadis en antaŭaj kongresoj. Vidu la desegnaĵon.

*Los esperantistas activos son muy aficionados a escribir. Muchos de ellos -es decir, de nosotros- tienen gran número de corresponsales en diversos países, y con ellos intercambian no sólo cartas sino a menudo también revistas, sellos de correos, regalos...*
*La lectores esperantistas de nuestra revista saben esto muy bien, pero* **Heleco** *ahora se publica también en lengua española con destino al publico no esperantista. Para que estos nuevos lectores comprendan el tema del artículo que sigue, es necesario aclarar que en los Congresos de Esperanto muchos participantes intentan encontrarse con sus coresponsales extranjeros asistentes al Congreso. Esto no resulta fácil entre la gran masa de varios millares de congresistas, sobre todo teniendo en cuenta que en muchos casos no conocen personalmente a sus corresponsales a no ser por fotografía, y a veces ni eso. Esto hace necesario el intercambio de notas y cartas acordando citas y encuentros. En los diversos congresos se intentan organizar sistemas para ese intenso correo interior del Congreso. Nuestro colega Julio Arguelles describe un sistema que él inventó y puso en práctica en el Congreso Universal de Esperanto que tuvo lugar este año en nuestro país.*

# Tabla de Citas

Julio Arguelles

Algunos miembros de la **Asociación Asturiana de Esperanto** participaron el el 78° Congreso Universal de Esperanto, en Valencia. En este artículo se describe la forma de colaboración que algunos de ellos efectuaron en él.
Ahora puedo decir: *Yo participé el 78° Congreso Universal de Esperanto*; sí, en anteriores congresos yo asistí, pero no trabajé como en este último. Está vez yo funcioné como ayudante del Comité Local Organizador del Congreso, turnándome con mi colega asturiano Santiago Mulas, en la **TABLA DE CITAS**.
Nuestra iniciativa de **Tabla de citas** resultó un éxito; a continuación describo el funcionamiento de nuestro invento para facilitar el intercambio de mensajes entre los congresistas. Los que participaron en algún Congreso Universal de Esperanto saben muy bien lo complicada que resulta la cuestión del contacto y comunicación personal entre varios miles de asistentes. Nuestro sistema para solucionar esto consiste en una tabla con la lista de todos los números de los congresistas. Sobre el número correspondiente señalábamos con una pegatina roja los que tenían algún mensaje dirigido al él o ella. De esta manera, simplemente mirando la tabla, todo congresista podía saber si él o ella debían retirar su carta o paquete. Así se evitaban las acostumbradas búsquedas de mensajes entre un gran montón desordenado, como ocurría en anteriores congresos. Véase el diseño.
Cuando los congresistas veían la tabla, muchos de ellos me preguntaban qué significaba la señal roja sobre sus

Kiam la gekongresanoj ekvidis la tabulon, multaj el ili demandis al mi kion signifas la ruĝan signalon sur iliaj kongresan-numeroj. Mi klarigis la aferon kaj transdonis al ili la mesaĝojn adresitaj al ili de aliaj kongresanoj. Multaj favore aprobis nian ideo pri **Rendevua Tabulo**. La estraranoj de U.E.A., S-roj So Gilsu, Tonkin, Maertens kaj Umeda, gratulis nin pro tiu bona ideo. Estas stranga afero tio ke, antaŭ tri aŭ kvar jaroj, mi sugestis tiun sistemon al U.E.A., kaj tiam mi ricevis neniun respondon pri ĝi. Sed ĉi-foje la Loka Kongresa Organiza Komitato de Hispanio akceptis la proponon; kaj mi dum malmulte da tempo preparis la numero-liston, kaj alportis ĝin al la kongresejo por ĝin instali sur tabulo.

Kiel dirite, dum la okazado de la Kongreso kunlaboris kun mi en la funkciigado de la **Rendevua Tabulo**, en la halo de la kongresejo, mia samideano Santiago Mulas Gallego, Prezidanto de ***Astura Esperanto Asocio***. Nia tasko konsistis el la jenaj operacioj:

Unue, ricevi la skribaĵojn kaj pakaĵojn kaj ilin meti en orda, facile trovebla, loko.

Poste, surglui la ruĝan signalon sur la koncerna kongresan-numero en la tabulo.

Kaj fine, transdoni al la adresitoj sian materialon kiam ili eksciis -dank' al la tabulo- ke estas por ili sendaĵo.

Ni plenumis tiun taskon dum la tuta daŭro de la Kongreso ĝis ĝia ferma sesio.

Mi povas rakonti kelkajn anekdotojn okazintaj dum la disvolviĝo de tiu laborado, kiel tiu de iu S-ino kiu demandis al mi kial ŝi ne havas mesaĝon. Aŭ tiu alia, kiam iu samideano lasis pakaĵeton destine al la kongresano numero 139. Mi arkivis la pakaĵeton kaj surgluis la koncernan signalon. Nur poste, kiam mi estis eksplikante al alia samideano la funkciadon de la tabulo, mi rimarkis ke tiu 139 estis mia propra numero, kaj la pakajeto estis destinita al mi.

Je la fino de la Kongreso mi transdonis la numero-liston al la reprezentantoj de la Organiza Komitato de la 79-a Universala Kongreso, okazonta en Seulo; mi esperas ke ili povos plibonigi la sistemon kaj ĝin uzi. Se tiel, eble mi povos helpi ilin en ĝia funkciado. Fakte, jam mi aliĝis por tiu venontjara kongreso; mi deziras partopreni en tiu eksterordinara evento.

números de congresistas. Yo les aclaraba el asunto y les entregaba el mensaje dirigido a ellos por otros congresistas. Muchos aprobaron favorablemente nuestra idea de **Tabla de Citas**. La directivos de U.E.A. (Asociación Universal de Esperanto), Sres. So Gilsu, Tonkin, Maertens y Umeda, nos felicitaron por esa buena idea. Es extraño que, hace tres o cuatro años, habiedo yo sugerido este sistema al U.E.A., no recibí entonces contestación alguna sobre él. Pero esta vez el Comité Local Organizador del Congreso de España aceptó la propuesta; y yo en poco tiempo preparé la lista de números, y la llevé a la sede del congreso para instalarla sobre una tabla.

Como dije, durante la celebración del Congreso colaboró conmigo en el funcionamiento de la **Tabla de Citas**, en el hall de la sede del congreso, mi colega Santiago Mulas Gallego, Presidente de la ***Asociación Asturiana de Esperanto***. Nuestra tarea consistía en las siguientes operaciones:

Primero, recoger los escritos y paquetes y guardarlos en orden para su fácil recuperación.

Luego, colocar la señal roja sobre el correspondiente número de congresista del destinatario en la tabla.

Y por último, entregar a los destinatarios su material cuando ellos se enteraban -gracias a la tabla- que había algo para ellos.

Cumplimos con esta tarea durante toda la duración del Congreso hasta su sesión de clausura.

Puedo contar algunas anécdotas que tuvieron lugar durante el desarrollo de esta trabajo, como aquella de una señora que me preguntó porqué no había mensaje para ella. O aquella otra, cuando un esperantista dejó un paquete con destino al congresista número 139. Yo archivé el paquetito y coloqué la correspondiente señal en la tabla. Sólo mucho después, cuando estaba explicando a otro colega el funcionamiento de la tabla, me di cuenta de que el 139 era mi propio número, y que el paquete estaba destinado a mí.

Al final del Congreso le pasé la lista de números a los representantes del Comité Organizador del 79° Congreso Universal, que tendrá lugar en Seul; espero que ellos podrán mejorar el sistema y utilizarlo. Si así ocurre, posiblemente podré ayudarlos en su funcionamiento. De hecho, ya me apunté para ese congreso del año que viene; quiero tomar parte en ese acontecimiento extraordinario.

| | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| 118 | 138 | 158 | 178 | 198 | 218 | 238 |
| 119 | 139 | 159 | 179 | 199 | 219 | 239 |
| 120 | 140 | 160 | 180 | 200 | 220 | 240 |

# 78 U.K. DE ESPERANTO. VALENCIO

*La urbo Valencio estis, de la 24-a al la 31-a de julio-1993, la sidejo de la 78-a Universala Kongreso de Esperanto kaj ĝia Palaco de la Muziko kaj Kongresoj, la bela kadro en kiu la diversaj programeroj okazis. Pro laborado ĉe rendevua tabulo, mia partopreno en la Kongreso estis tre malabunda, kaj pro tio, mi ne povas paroli pri ĝi verdire. Mi prunteprenas la informon de nia samideano Juan Carlos Ruiz en "Nia Voĉo". Ĝi estas tre elokventa, legu ĝin: La Kongreso kaj ĝia rezulto, mi ne dubas aserti ke ĝi estis grandega sukceso, kaj ĝi povus esti resumita en 3 vortoj:*

**1.- ETOSO 2.- DISKONIGO 3.- PROFESIECO**

1.- Rilate al **Etoso** kontribuis al tio la unika sperto transformi la interkonan vesperon, ĝenerale enuiga kaj sen aktivajoj, en bonveniga festo ĉe la strando, kun regalo al gekongresanoj de giganta paeljo, tipa manĝaĵo de Valencio tutmonde konata. Ankaŭ kontribuis, la ĉeesto de multaj gejunuloj kiuj konstante vigligis la atmosferon kaj krome la mirinda vetero de tiu mediteranea urbo kaj la partoprenema sinteno de multaj esperantistoj, kiuj jam en la du tagoj antaŭ la malfermo de la Kongreso, sin oferis por prepari la dokumentaron.



2.- Rilate al **Diskonigo**, preskaŭ unu jaro antaŭ la Kongreso Sro G. C. Fighiera el Italio, **Prezidanto de la** Eldonejo "Heroldo", skizis planon por **Funkciigi Gazetaran Servon**, antaŭ, dum kaj post la Kongreso kun realisma buĝeto, malfeliĉe duonigita de UEA. Oni atingis grandan sukceson en Gazetaraj Konferencoj de Madrido kaj Valencio, kaj tio interesigis multajn regionajn kaj naciajn amaskomunikilojn kiel Antena 3 T.V., Diario 16, EFE, Cadena Ser, Cadena Cope, Levante, las Provincias, kaj informagentejoj de pli ol 8 landoj. Al tio forte kontribuis la helpojn de la Madridaj Esperantistoj, de Hispana E-a Federacio kaj de la profesia jurnalisto Stefan Maul el Germanujo. Por la Kongresanoj funkciis perfekte la redaktado de **Kongresa kuriero**, kies respondecon prenis 2 junuloj, respektive el Portugalio kaj Hispanio (A. Martins kaj M. Cruz). Aparte, ILERA, Internacia Ligo E-a. Radio-Amatoroj diskonigis U.K. al pli ol 2000 kontaktojn de la mondo.

# 78° Congreso Universal de ESPERANTO.VALENCIA

La ciudad de Valencia fue, del 24 al 31 de julio-1993, la sede del 78° Congreso Universal de Esperanto, y su Palacio de la Música y Congresos el bello cuadro en el cual los diversos actos del programa tuvieron lugar. Debido a mi dedicación en la "tabla de citas", mi participación en el Congreso fue muy escasa, y por eso no puedo hablar de él con exactitud. Tomo prestada la información de nuestro colega Juan Carlos Ruiz en "Nuestra Voz". Conviene leerla ya que es muy elocuente: El Congreso y su resultado, no dudo en asegurar que fue un grandísimo éxito, y podría ser resumido en 3 palabras:

**1.- AMBIENTE 2.- DIFUSION 3.- PROFESIONALIDAD**

1.- Con relación al **Ambiente** contribuyó una experiencia única de transformar la "sesión de presentaciones", generalmente aburrida y sin actividades, en una fiesta de bienvenida en la playa, con agasajo a los congresistas a base de una gigantesca paella, típica comida valenciana mundialmente conocida. Contribuyó también la presencia de muchos jóvenes que constantemente caldearon el ambiente, y también el clima admirable de esa ciudad mediterránea, y el afán de participación de muchos esperantistas, los cuales ya en los dos días anteriores a la apertura del Congreso se ofrecieron para pre- parar la documentación...

2.- Sobre la **Difusión**, casi un año antes del Congreso el Sr. G.C. Fighiera, de Italia, Presidente de la Editorial "Heroldo", bosquejó un plan para hacer funcionar un **Servicio de Prensa**, antes, durante y después del Congreso con un presupuesto realista, por desgracia reducido a la mitad por UEA (Asociación Universal de Esperanto). Se consiguió un gran éxito en Conferencias de Prensa en Madrid y Valencia, y eso despertó el interés de muchos medios de comunicación regionales y nacionales como Antena 3 T.V., Diario 16, EFE, Cadena Ser, Cadena Cope, Levante, las Provincias, y agencias de prensa de más de 8 países. Contribuyó en gran medida a eso la ayuda de los esperantistas de Madrid, de la Federación Española de Esperanto y del periodista profesional Stefan Maul, de Alemania. Para los congresistas funcionó perfectamente la redacción de un **Correo del Congreso**, cuya responsabilidad asumieron dos jóvenes, uno de Portugal y otro de España (A. Martins y M. Cruz). Además, ILERA, Liga

3.- Rilate al **Profesieco** ni diru ke la planado de la **helpa reto**, ĉefe bazita sur Valenciaj Esperantistoj kaj kunordigita de la L.K.K. estis bona, ke la Kongreso funkciis kun alta nivelo de partopreno, ke la ekzisto de **2 samtempaj Kongresejoj** ne malfaciligis la fluan marŝon de la programeroj, kaj ke danke al granda peno kaj entuziasmo de la fakaj asocioj en kunlaboro kun la L.K.K., tiu ĉi U.K. povus esti deklarita kiel **"Kongreso de Kongresoj"**: Fervojistoj; Filatelistoj; Kuracistoj; Katolikoj; Komercistoj; Sciencistoj... trovis forumon por kunsidi kaj disvastigi iliajn ideojn.

Apartan mencion meritas la **Infana Kongreseto**, Gvidata de C. Fettes kaj H. Fantom, kiu vekis la atenton de la amaskomunikiloj. Ĝi funkciis samtempe ol la U.K. en Alborache, montara vilaĝo 60 Km malproksime de Valencio. La 46 geinfanoj de ĉiuj rasoj kaj kontinentoj vivis unikan sperton de Internacia kunvivado kaj interŝanĝo de kulturoj.

Alia interesega faka Kongreso estis tiu de **ILEI**, Internacia Ligo de Esperantaj Instruistoj, kiu komenciĝis tuj post la fino de la 78-a U.K. Ĝiaj aktivaĵoj, konsistantaj el altnivelaj diskutoj kaj prelegoj pri la instruista mondo kaj la rilato kun E-o, estis kunordigita de la brito Duncan Charters, nuna prezidanto de ILEI.




Aparte ni substreku la **Internacian Universi- tatan Kongreson** (IUK), kunord- igita de Dr-ino M.R. Urueña, kie estis prezentataj je universitata nivelo disvastigaj sciencaj studoj pri diversaj temoj: Kemio; Astronomio; Novaj strukturoj por universitatoj; Novaj instrumetodoj; Hispana Literatura; García Lorca; ktp...

El la artaj programeroj ni elstarigu la imponan **Nacian Vesperon**, kun partopreno de blovorkestro de Valencio kaj folkloraj grupoj de tri diversaj Hispanaj Regionoj; la tutmondan premieron de kantado en Esperanto fare de muzikisto P. Vilarroig, poeto M. Fernández, esperanta koruso Verda Stelo kaj simfonia orkestro de Valencio; la satirika kabaredo "fraŭlino Barlaston"; la deklamado de la vivo kaj verko de García Lorca, fare de poeto M. Fernández; kaj la monologa dramo de la aktorino G. Almanza, el Kubo.

Internacional Esperantista de Radio-Aficionados difundió el Congreso Universal a más de 2000 kontactos del mundo.

3.- En lo que se refiere a la **Profesionalidad** digamos que la planificación de la **red de ayuda**, basada principalmente sobre los esperantistas valencianos y coordinada por el Comité Organizador Local del Congreso fue buena, que el Congreso funcionó con un alto nivel de participación, que la existencia de dos sedes congresuales usadas simultáneamente no dificultó el desarrollo fluído de los diversos actos, y que gracias a la gran dedicación y entusiasmo de las asociaciones especializadas, en colaboración con el Comité Organizador Local, este Congreso Universal podría ser declarado como **"Congreso de Congresos"**: Ferroviarios; Filatélicos; Médicos; Católicos; Comerciantes; Científicos... encontraron un foro para reunirse y difundir sus ideas.

Mención aparte merece el **Congreso Infantil**, dirigido por C. Fettes y H. Fantom, que despertó la atención de los medios de comunicación. Funcionó a la vez que el Congreso Universal, en Alborache, una villa en la montaña a 60 Km de Valencia. Los 46 niños de todas las razas y continentes vivieron una experiencia única de convivencia internacional e intercambio cultural.

Otro y muy interesante congreso de especialidad fue el de **ILEI**, Liga Internacional de Profesores de Esperanto, que comenzó justamente tras el final del 78° Congreso Universal. Sus actividades, consistentes en discusiones de alto nivel y conferencias sobre el mundo de la enseñanza y su relación con el Esperanto, fue coordinado por el británico Duncan Charters, actual presidente de ILEI.

Subrayemos aparte el **Congreso Universitario Internacional** (IUK), kunordigita de Dr-ino M.R. Urueña, kie estis prezentataj je universitata nivelo disvastigaj sciencaj studoj pri diversaj temoj: Kemio; Astronomio; Novaj strukturoj por universitatoj; Novaj instrumetodoj; Hispana Literatura; Garcí LOrca; ktp...

De las actividades artísticas del Congreso destaquemos la imponente **Tarde Nacional**, con la participación de banda de música de Valencia y grupos folklóricos de tres regiones españolas; el estreno mundial de canto en Esperanto a cargo del músico P. Vilarroig, el poeta M. Fernández, el coro esperantista *Verda Stelo* (Estrella Verde) y la orquesta sinfónica de Valencio; el cabaret satírico "Señorita Barlaston"; la declamación de la vida y la obra de García Lorca, a cargo del poeta M. Fernández; y el drama monólogo de la actriz G. Almanza, de Cuba.

Pri distraj aranĝoj, ni diru ke gekongresanoj multe partoprenis en diversaj ekskursoj, tuttagaj kaj duontagaj; kaj ankaŭ multe ŝatis la bankedon kaj balon en palaco Xuquer.

Memorinda afero por la ĉeestantoj estis sendube la **Florbatalo**: tipa Valencia festo konsistanta el simpatia jetado de freŝaj floroj inter la publiko kaj diversaj folkloraj grupoj de Valencianoj tipe vestitaj sur platform-ĉaroj, kiu rivalas pri beleco, bunto kaj ornamo.

Speciale fieriga por la hispanoj estis la rezulto de la **Belartaj konkursoj de UEA**: preskaŭ ĉiuj gravaj premioj estis gajnitaj de la nova generacio de aŭtoroj naskiĝintaj sub la klera ombro de majstro F. de Diego kaj nomita "**Ibere Libere**". Du el ties membraro, Miguel Fernández kaj Jorge Cama- cho (tiu ĉi lasta, la plej juna mem- bro de la Akade- mio de Esperan- to), plukolektis plurajn premiojn kaj menciojn.

Kaj por fini tiun ĉi rapidan kaj personan opinion pri la Kongreso, ni aldonu ke multe plaĉis al la gekongresanoj ankaŭ la antaŭ kongreso de Bar celono, kun interesaj vizitoj Esperantaj kaj turismaj, kaj krome la post kongresoj al Andalucio kaj Madrido. En tiu ĉi lasta urbo, la partoprenantoj de la vojaĝo ricevis en Madrida Esperanta Liceo ĉarman bonvenon de la lokaj Esperantistoj kiuj preparis por ili gustumadon de ĉampano kun etikedo "Esperanto", kaj aŭdo-vidan prelegon pri "Madrido tra la jarcentoj". Poste, sinjorino Puhova kaj sinjoro Bronŝtein, ludis rusajn kantojn, kaj s-ino Ĉokola, prezentis spektaklon de "Tradicia magio el Japanio". Por fini, ĉiuj ĉeestantoj kune kantis popularajn esperantigitajn hispanajn kanzonojn.

*Ĝis tie ĉi la raporto de nia amiko Juan Carlos. Nur mi devas aldoni iom pri la omaĝo, kiun la samideaninoj, kiuj iam ricevis la premion* ***Klara Silbernik****, faris al nia kara samideanino Teresa Massana Rafols kiel dankatesto pro ŝia kontribuado por la starigo de la antaŭdira premio, kreita kaj fondita altruisme de ŝia edzo Luis Hernández Yzal. La omaĝo konsistis en esperantlingve dediĉita metalplato donacita al ŝi dum la Kongresferma ceremonio.*

Santiago Mulas



Sobre las diversiones, digamos que los congresistas participaron mucho en las diversas excursiones, unas de medio día y otras de todo el día; y también apreciaron mucho el banquete y el baile en el palacio Xuquer.

Un recuerdo memorable para los asistentes fue sin duda la **Batalla Floral**: fiesta típica valenciana que consiste en una simpática confrontación de lanzamiento de flores frescas entre el público y diversos grupos folclóricos de valencianos, con las típicas vestimentas regionales, sobre carrozas, que rivalizan en belleza, colorido y adorno.

Para los españoles fue un motivo especial de orgullo el rezultado del **Concurso de Bellas Artes de UEA**: casi todos los premios importantes fueron conseguidos por la generación nueva de aŭtores formados bajo la ilustre sombra del maestro F. de Diego, y llamada "**Ibere Libere**" (Libremente Ibéricamente). Dos de sus miembros, Miguel Fernández y Jorge Camacho (este último, el miembro más joven de la Academia de Esperanto), cosecharon nuevamente varios premios y menciones.

Y para dar fin a esta rápida opinión personal sobre el Congreso, añadamos que satisfizo mucho a los congresistas también el precongreso en Barcelona, con visitas interesantes desde el punto de vista esperantista y turístico, y además el postcongreso en Andalucía y Madrid. En esta última ciudad, los participantes del viaje recibieron en la sede del Liceo Esperantista de Madrid una agradable bienvenida de los esperantistas locales que prepararon para ellos una degustación de champán con etiqueta "Esperanto", y una conferencia audiovisual sobre el tema "Madrid a través de los siglos". Después, la Sra. Puhova y el Sr. Bronŝtein, interpretaron canciones rusas, y la Sra. Ĉokola presentó un espectáculo de "Magia tradicional del Japón". Para terminar, todos los asistentes juntos cantaron canciones populares españolas en Esperanto.

*Hasta aquí el reportaje de nuestro amigo Juan Carlos. Yo sólo debo añadir algo sobre el homenaje, que las galardonadas alguna vez con el premio* ***Klara Silbernik*** *le hicieron a nuestra querida colega Teresa Massana Rafols agradeciendo su contribución a la creación del antedicho premio, fundado altruistamente por su esposo Luis Mª Hernández Yzal. El homenaje consistió en un plato de metal dedicado en Esperanto que le fue regalado en la ceremonia de clausura del Congreso.*

Santiago Mulas

# Salutoj al la Kongreso

**Papo Johano Paŭlo la 2-a**

Lia Papa Moŝto petas vin por ke tiu renkontiĝo de personoj el diversaj landoj, kulturoj kaj kredoj, parolantaj komunan lingvon, fariĝu atesto de la frateco kiu, sen ia ajn diskriminacio, devas regi inter ĉiuj homoj kiel membroj de la granda familio de la filoj de Dio; kaj por instigi personan kaj kolektivan kompromison konstrui la pacon en siaj opaj devenlokoj. Por tiuj ĉi deziroj kaj alvokante la Dian protekton al la agadoj de la kongreso kaj al iliaj partoprenantoj, Lia Papa Moŝto plezuras disdoni la tre sopiratan Apostolan Benon.

*Nome de la Papo, G.B.Re*

**Boutros GHALI, *Ĝenerala Sekretario de Unuiĝintaj Nacioj***

Mi ĝojas informi al vi la dankon de la Ĝenerala Sekretario al via letero de la 24-a de oktobro, ĉar li ĉiam tre estimas ricevi informojn pri organizoj kiuj, kiel la via, promocias la celojn de la Unuiĝintaj Nacioj.
La Ĝenerala Sekretario instige laŭdas la laboron de la Universala Kongreso de Esperanto kiu, per siaj valoraj agadoj kaj komuna lingvo, provas kunigi la homojn de la tuta mondo por interŝanĝo de ideoj kaj krei etoson de komprenemo.
Ĉi-kaze li deziras gratuli la partoprenantojn de la 78-a Universala Kongreso de Esperanto kaj esperas ke tiu estu plej sukcesa.
Estime via,

*Erik JENSEN, Direktoro kaj Vic-Ĝenerala Sekretario de Unuiĝintaj Nacioj*

**Francisco MAYOR Zaragoza, Ĝenerala Sekretario de UNESKO**

Estas kun granda plezuro, ke mi varme salutas partoprenantojn en la 78-a Universala Kongreso de Esperanto. UNESKO taksas aparte gravaj siajn rilatojn kun la neregistaraj organizaĵoj, kiuj reprezentas la mondan komunumon de pensuloj -inter ili UEA- tial ke ni dividas komunan vizion de pli bona kaj pli egaleca mondo, kaj ke la neregistaraj organizaĵoj estas la naturaj kunagantoj de UNESKO je ĉiuj niveloj, tutmonde, kontinente kaj naciskale.
Speciale kontentiga por UNESKO estas via elekto de kongresa temo. Lastatempe UNESKO starigis

# Saludos al Congreso

**Papa Juan Pablo II**

Su Santidad el Papa os pide que ese encuentro de personas de diversos países, culturas y credos, que hablan una lengua común, se haga testimonio de la fraternidad que, sin discriminación alguna, debe reinar entre todos los hombres como miembros de la gran familia de los hijos de Dios; y para instigar un compromiso personal y colectivo de construir la paz en los respectivos lugares de origen.
Para estos deseos e invocando la Divina protección a las actividades del congreso y a sus participantes, Su Santidad el Papa se complace en impartir la muy anhelada Bendición Apostólica.

*En nombre del Papa, G.B.Re*

**Butros GHALI, *Secretario General de las Naciones Unuidas***

Me alegra informarles del agradecimiento del Secretario General a vuestra carta del 24 de Octubre, pues él siempre estima mucho recebir informes acerca de organizaciones que, como la vuestra, promocionan los objetivos de las Naciones Unidas.
El Secretario General os instiga alabando el trabajo del Congreso Universal de Esperanto que, por sus valiosas actividades y lengua común, persigue unir los hombres de todo el mundo para el intercambio de ideas y crear un ambiente de comprensión.
En este caso él desea felicitar a los participantes del 78° Congreso Universal de Esperanto y espera que éste sea lo más exitoso.
Con estima,

*Erik JENSEN, Directoro y Vicesecretario General de las Naciones Unidas.*

**Francisco MAYOR Zaragoza, Secretario General de la UNESCO**

Es con un gran placer, que yo saludo cálidamente a los participantes del 78° Congreso Universal de Esperanto. La UNESCO valora como muy importantes sus relaciones con las organizaciones no gubernamentales, que representan a la comunidad mundial de pensadores -inter ellas la Asociación Universal de Esperanto- ya que compartimos una visión común de un mundo más bueno e igualitario, y porque las organizaciones no gubernamentales son colaboradores naturales de la UNESCO a todos los niveles: a escala mundial, continental y nacional.
Especialmente satisfactoria para la UNESCO es vuestra elección del tema congresual. Ultimamente la UNESCO estableció una comisión internacional sobre educación

internacian komisionon pri edukado por la 21-a jarcento, kiun kunprezidas S-ro Jecques DELORS. Sojle de nova jarmilo, ekzistas malmultaj pli gravaj taskoj ol la kreo de eduksistemo responda al la multoblaj kaj interligitaj de integriĝanta monda socio, inkluzive de la konsciigo pri la nepre neceso, ke la homoj lernu kunvivi en rondo familia kaj en ekvilibro kun la tera ekologio. Mi certas, ke viaj diskutoj, faros valoran kontribuon al tiu procezo kaj mi danke ricevus raporton pri via kongreso, kiun mi volonte disponigos al la Komisiono DELORS.
Mi deziras al ĉiuj partoprenantoj plej agrablan restadon en Valencio, kaj certigas vin, ke UNESKO alta taksas viajn klopodojn kunkonstrui tian mondon, en kiu la kultura diverseco ne malhelpas pli vastan unuecon pri la sorto de la Homaro.

*F.MAYOR Zaragoza, Ĝenerala Sekretario de UNESKO.*

para el siglo 21, copresidida por el Sr. Jecques DELORS. En el umbral del nuevo milenio, existen pocas tareas más importantes que la creación de un sistema educativo que responda a las múltiples y interrelacionadas tareas de nuestra sociedad mundial en proceso de integración, incluso de la concienciación acerca de la indispensable necesidad de que los hombres aprendan a convivir como una familia y en equilibrio con la ecología terrestre. Estoy seguro de que vuestras discusiones harán una valiosa contribución a ese proceso y agradecería recibir un informe sobre vuestro congreso, que pondría a disposición de la Comisión DELORS.
Deseo a todos los participantes la más agradable estancia en Valencia, y os aseguro que la UNESCO valora muy altamente vuestros intentos de participar en la construcción de tal mundo, en el que la diversidad cultural no impida la más amplia unidad sobre el destino de la Humanidad.

*F.MAYOR Zaragoza, Secretario General de la UNESCO.*

**Camilo José CELA, Nobelpremiito pri Literaturo.**

Kun tiom da respekto kiom da estimo, mi salutas la partoprenantojn de la 78-a Universala Kongreso de Esperanto, kiu okazas en Valencio, kaj al vi mi deziras la sukceson kiun vi meritas en via nobla celado provizi la mondon per komuna lingvo, kiu povu garantii pacon kaj konkordon.

*Tre kore, camilo José CELA*

**Camilo José CELA, Premio Nobel de Literatura.**

Con tanto respeto como estima, saludo a los participantes en el 78° Congreso Universal de Esperanto, que tiene lugar en Valencia, y os deseo el éxito que mereceis en vuestro noble objetivo de proveer al mundo de una lengua común, que pueda garantizar paz y concordia.

*Cordialmente, camilo José CELA*

**Jan KIENIEWICZ, ambasadoro de Pola Respubliko en Madrido.**

Estimataj gesinjoroj!
Mi transsendas miajn plej korajn salutojn al la partoprenantoj de la Universala Kongreso de Esperanto. Samtempe mi deziras fruktdonajn debatojn pri la efektivigo de la ideo de komuna lingvo necesa por la tiom dividita nuntempa mondo.

*Jan Kieniewicz, Ambasadoro de Polio.*

**Jan KIENIEWICZ, embajador de la República de Polonia en Madrid.**

Estimados señores!
Transmito mis más cordiales saludos a los participantes en el Congreso Universal de Esperanto. A la vez, deseo fructíferos debates sobre la realización de la idea de una lengua común necesaria para el tan dividido mundo actual.

*Jan Kieniewicz, Embajador de Polonia.*

## Nekrologo

**La 28-an de julio, forpasis en Gijón, Francisco Javier Collado, filo de nia kara samideano kaj societano Sacramento Collado Llana. Ni bedaŭras tiu nova dolora perdo de nia kara samideano, kiu antaŭ ne multe perdis ankaŭ sian edzinon.**
**La Astura Esperanto-Asocio sincere kondolencas nian karan samideanon kaj ceterajn familianojn.**

## Nota necrológica

**El día 28 de julio, falleció en Gijón, Francisco Javier Collado, hijo de nuestro querido colega y compañero Sacramento Collado Llana. Lamentamos esta nueva dolorosa pérdida de nuestro querido colega, que no hace mucho perdió también a su esposa.**
**La Asociación Asturiana de Esperanto expresa su sentido pésame a nuestro querido compañero y a su familia.**

# Premiitoj en la Belarta Konkurso

POEZIO: **unua premio:** Georgo Kamaĉo (Hispanio) pro *Monologo kun Mediteraneo*; **dua premio:** Miguel Fernandez (Hispanio) pro *Iama am' aŭ sonĝo ĉiunokta*; **tria premio:** Gonçalo Neves (Portugalio) pro *Metropulo*; **honora mencio:** Gonçalo Neves (Portugalio) pro *Lavistino fonta* kaj Miguel Fernandez (Hispanio) pro *Poeto*. Partoprenis 57 verkoj de 20 aŭtoroj el 19 landoj.

PROZO: **unua premio:** Miguel Fernandez (Hispanio) pro *Ek al barikadoj!*; **dua premio:** Liven Dek (Hispanio) pro *Semo*; **tria premio:** Gonçalo Neves (Portugalio) pro *Jozefo*; **honora mencio:** Miguel Fernandez pro *Esencen persense*. Partoprenis 25 verkoj de 13 aŭtoroj el 10 landoj.

TEATRAĴO: **unua premio:** ne aljuĝita; **dua premio:** Sten Johansson (Svedio) pro *Savboato*; **tria premio:** Stefan MacGill (Hungario) pro *Konvena rezulto*; **honora mencio:** Abel Montagut (Katalunio) pro *Don Kiĥoto eksterlande* kaj Sten Jahansson (Svedio) pro *Heliko-aŭ podia diskuto pri la lingva evoluo de Esperanto*. Partoprenis 4 verkoj de 3 aŭtoroj el 3 landoj.

ESEO: **Premio "Luigi Minnaja":** ne aljuĝita; **honora mencio:** Waldek Pastuszka (Polio) pro *Problemoj kaj eblecoj de ŝaradtaska kreado en Esperanta lingvo*. Partoprenis 4 verkoj de 4 aŭtoroj el 4 landoj.

KANTO: **Premio "An-okin pri kanto":** Flávio Fonseca (Brazilo) pro *Babel-turo* kaj Miguel Fernandez, teksto, kaj Pedro Vilarroig, muziko (Hispanio), pro la kantoj *Amtemo* kaj *Tarde*. Partoprenis 9 kantoj de 5 aŭtoroj aŭ aŭtoraj duopoj el 5 landoj.

PREMIO "NOVA TALENTO": ne aljuĝita.

INFANLIBRO DE LA JARO: *Tiel do, Rakontoj por malgrandaj infanoj* de Rudyard Kipling: tradukita el la angla de Wouter F. Pilger. Eldonita de Vulpo-Libroj, Lelystad (Nederlando). Partoprenis 2 libroj de 2 eldonejoj el 2 landoj.

FOTOGRAFIO: **honora mencio:** Amri Wandel (Israelo) pro *Komputila klerigo ekde juna aĝo*.

VIDBENDOJ: **unua premio:** ne aljuĝita; **dua premio:** Paul Gubbins (Britio) pro *Stoke-on-Trent: Ceramika urbo - Esperanta urbo*; **tria premio:** Chengde-a Esperanto-Asocio pro *Chengde kaj Esperanto*.

# Premios del Concurso de Bellas Artes

POESIA: **primer premio:** Jorge Camacho (España) por *Monólogo con el Mediterráneo*; **segundo premio:** Miguel Fernández (España) por *Amor de ocasión o sueño de cada noche*; **tercer premio:** Gonçalo Neves (Portugal) por *Metropulo*; **mención honorífica :** Gonçalo Neves (Portugal) por *Lavandera de la fuente* y Miguel Fernández (España) por *Poeta*. Participaron 57 obras de 20 autores de 19 países.

PROSA: **primer premio:** Miguel Fernández (España) por *A las barricadas!*; **segundo premio:** Liven Dek (España) por *Semilla*; **tercer premio:** Gonçalo Neves (Portugal) por *Jose*; **mención honorífica:** Miguel Fernández por *A la esencia por los sentidos*. Participaron 25 obras de 13 autores de 10 países.

TEATRO: **primer premio:** no adjudicado; **segundo premio:** Sten Johansson (Suecia) por *Bote salvavidas*; **tercer premio:** Stefan MacGill (Hungria) por *Resultado conveniente*; **mención honorífica:** Abel Montagut (Cataluña) por *Don Quijote en el extranjero* y Sten Jahansson (Suecia) por *Caracol-o discusión de estrado sobre la evolución linguística del Esperanto*. Participaron 4 obras de 3 autores de 3 países.

ENSAYO **Premio "Luigi Minnaja":** no adjudicado; **mención honorífica:** Waldek Pastuszka (Polonia) por Problemas y posibilidades de la creación de juegos de palabras en Esperanto. Participaron 4 obras de 4 autores de 4 países.

CANTO: **Premio "An-okin de canto":** Flávio Fonseca (Brasil) por *Torre de Babel* y Miguel Fernández, texto, y Pedro Vilarroig, músico (España), por los cantos *Tema de amor* y *Tardíamente*. Participaron 9 cantos de 5 autores o pares de autoraes de 5 países.

PREMIO "NUEVA TALENTO": no adjudicado.

LIBRO INFANTIL DEL AÑO: *Así pues, Narraciones para niños pequeños* de Rudyard Kipling; traducido del inglés por Wouter F. Pilger. Editado por "Libros Zorro", Lelystad (Holanda). Participaron 2 libros de 2 editoriales de 2 países.

FOTOGRAFIA: **mención honorífica:** Amri Wandel (Israel) por *Educación por ordenador desde tierna edad*.

HISTORIETAS: **primer premio:** no adjudicado; **segundo premio:** Paul Gubbins (Gran Bretaña) por *Stoke-on-Trent: ciudad de cerámica - ciudad de Esperanto*; **tercer premio:** Asoc. de Esperanto de Chengde por *Chengde y Esperanto*.



*De maldekstre: Miguel Fernández, Pedro Villaroig, Abel Montagut, Liven Dek, Georgo Kamaĉo kaj Gonçalo Neves. La iberiaj verkistoj akaparis plejparton el la premioj de la ĉi-kongresa Belarta Konkurso.*

## Internacia Kongresa Universitato

Unu el la plej gravaj programeroj de la Universala Kongreso de Esperanto sendube estis la Internacia Kongresa Universitato. Ĉi-jare okazis la 46-a sesio de tiu interesa aranĝo, kaj ĝi rezultis bonsukcesa tiel pro la alta nivelo de la konferencintoj kaj la intereso de la pritraktitaj temoj kiel pro la granda ĉeestantaro en la prelegoj.
Grandparte el la konferencoj rilatis al la kongresa temo: **Klerigo por la 21-a jarcento**. La ĉi-jara rektorino de la Internacia Kongresa Universitato, la hispanino María Rafaela Urueña, Profesorino pri Publika Internacia Juro, prelegis unuavice kun la temo titolita: **Klerigo por la 21-a jarcento en la internaciaj rilatoj**. Per tiu konferenco, kies kompletan tekston ni publikigas en ĉi numero de HELECO, la aŭtorino asertis ke:
*Fondi Novan Internacian Ordon signifas malferman cerbumadon pri la fundamentaj rajtoj kaj universalaj valoroj kiujn tiu ordo devas garantii.*
Ŝi atribuas gravan rolon al la Organizaĵo de la Unuiĝintaj Nacioj en la monda evoluado al socio en kiu oni alvenos al agnosko de la rajtoj de ĉiu popolo, kaj substrekas ke por garantii la pacon en la nova ordo internacia estas necese ke ĉi tiu estu demokrata kaj justa ankaŭ en la ekonomia tereno. Por gardi la pacon kaj favori la ekonomian disvolviĝon estas necesa, laŭ la leciono de la prelegintino, evoluigi internacian juron kiu solvu la kontraŭdiron inter la leĝa kaj la reala mondo.
Sekvis poste la prelego de la aŭstria astronomo D-ro Hans Maitzen pri la temo: **Kosmo kaj Tero, la ekologia rilato**. Per interesaj lumbildoj ĉi profesoro montris la konsiderindan influon de iuj kosmaj fenomenoj sur la disvolviĝo de la vivo en nia planedo.
Prelegis ankaŭ la fama brita verkistino Marjorie Boulton, membro de la Akademio de Esperanto. Ŝia interveno estis omaĝo al la vivo kaj la verkaro de nia samlandano D-ro J.Régulo Pérez, forpasinta akademiano de Kanaria Insularo. Ŝi verve emfazis la meriton kaj la laborkapablon de nia neforgesebla samideano.
Ankaŭ pri hispana temo estis la prelego de la usona D-ro Duncan Chartres. Lia konferenco titoliĝis: **Kiel karakterizi la kulturon kaj literaturon de la hispanoj?** Per traprezentado de

## Universidad Internacional del Congreso

Uno de los principales actos del Congreso Universal de Esperanto sin duda fue la Universidad Internacional del Congreso. Este año tuvo lugar la 46ª sesión de esa interesante experiencia, y su éxito fue claro, tanto por lo que se refiere al alto nivel de los conferenciantes y el interés de los temas tratados como por la gran asistencia a las conferencias.
Gran parte de las conferencias versaron sobre el tema congresual: **Educación para el siglo XXI**. La rectora de este año de la Universidad Internacional del Congreso, la española María Rafaela Urueña, Profesora de Derecho Público Internacional, dió la primera de las conferencias con el tema titulado: **Educación para el siglo XXI en las relaciones internacionales**. Por su disertación, cuyo texto completo publicamos en este número de nuestra revista, la conferenciante declaró que:
*Crear un Nuevo Orden Internacional significa abrir la imaginación sobre los derechos fundamentales y los valores universales que ese orden debe garantizar.*
Ella atribuye un papel muy importante a la ONU en la evolución mundial hacia una sociedad en la que se consiga un reconocimiento pleno de los derechos de todos los pueblos, y subraya que para garantizar la paz en el nuevo orden internacional es necesario que dicho orden sea democrático y justo también en el terreno de la economía. Para salvaguardar la paz y favorecer el desarrollo económico es necesario, según la lección de la conferenciante, hacer evolucionar el derecho internacional de manera que solucione la contradicción entre el mundo legal y el real.
A continuación tuvo lugar la conferencia del astrónomo austríaco Doctor Hans Maitzen sobre el tema: **El Cosmos y la Tierra, la relación ecológica.** Por medio de interesantes diapositivas este profesor mostró la considerable influencia de algunos fenómenos cósmicos sobre el desarrollo de la vida en nuestro planeta.
Disertó también la famosa escritora británica Marjorie Boulton, miembro de la Academia de Esperanto. Su intervención fue un homenaje a la vida y la obra de nuestro compatriota el Doctor Juan Régulo Pérez, el fallecido académico de Canarias. Ella enfatizó muy calurosamente el mérito y la capacidad de trabajo de nuestro inolvidable colega.
También sobre un tema español fue la conferencia del estadounidense Doctor Duncan Chartres. Su conferencia se tituló: **¿Como caracterizar la cultura y la literatura de los españoles?** Tras un repaso a las principales obras de la literatura de nuestro país, él llamó la atención acerca de las

la ĉefaj verkoj de nialanda literaturo, li atentigis pri tiu ecoj kiuj distingigas nian popolon kaj nian literaturon: la altaj homaj aspiroj, kiel la honoro kaj la idealismo.
Alia usonano, D-ro Humphrey Tonkin, reprenis la kongresan temon prelegante pri: **Novan jarmilon, novajn universitatojn**. Li tre insistis pri la neceso de tio ke la universitatoj alĝustiĝu al la novaj bezonoj, kaj ke la instrumetodoj estu rekta rilato inter la vasteco de la bezonata kono kaj la homa lerno-kapablo. Se eblos al ni, ni intencos publikigi per iu el la sekvaj numeroj de nia revuo, la tekston de tiu ĉi interesega konferenco.
Ankaŭ D-ro Mauro La Torre, el Italio, prelegis pri instru-metodoj. Per sia konferenco: **Personigitaj malĉeaj instrusistemoj**, li traktis la problemaron kaj la eblecojn de la klerigado pere de komputiloj, televido kaj aliaj teknikaĵoj. Li informis pri konkreta spertado de tiutipaj metodoj.
Prelegis ankaŭ S-ino Eva Bojaĝieva, bulgara profesorino pri Kemio kaj Fiziko, pri la temo: **Ekvilibro kaj reguligaj mekanismoj en la homa organismo, kaj la influo de hormonoj kaj ĉeloj, por la sano**, kaj S-ino Margaret Furness, doktorino pri Medicino el Aŭstralio, pri la evoluo de la fetoj kaj ties diagnozado pere de ultrason-sistemo.
Aparte menciinda estis la prelego de nia samlandano S-ro Miguel Fernández Martín, titolita: **Sur la spuroj de García Lorca**. La hispanaj esperantistoj jam havis okazon ekkoni tiun mirindan verkon, kiun li prezentis iam en landa E. Kongreso kaj ankaŭ en la lasta Astura Kongreso de Esperanto, en Gijón. Ĉi-somere havis la fremdaj esperantistoj la plezuron aŭskulti en Valencio la deklamadon de M. Fernández Martín, kiu, per bela stilo kun recitado de poemoj kaj kantado de iuj kanzonoj de Lorca, li raportis pri la vivo, la morto, la verkaro kaj la Granada medio de Federico García, tiel klerige kiel amuzige.

cualidades que distinguen a nuestro pueblo y a nuestra literatura: la altas aspiraciones humanas, como el honor y el idealismo.
Otro norteamericano, el Doctor Humphrey Tonkin, retomó el tema congresual disertando sobre: **A un nuevo milenio, a unas nuevas universidades**. El insistió mucho sobre la necesidad de que las universidades se adapten a las nuevas necesidades, y que los métodos de enseñanza constituyan una justa relación entre la amplitud de los conocimientos necesarios y capacidad humana de estudio. Si nos es posible, intentaremos publicar, en alguno de los siguientes números de nuestra revista, el texto de esta interesantísima conferencia.
También el Doctor Mauro La Torre, de Italia, disertó sobre métodos de enseñanza. Por su conferencia: **Sistemas de enseñanza personificada indirecta**, él trató la problemática y las posibilidades de la instrucción por medio de ordenadores, televisión y otras técnicas. El informó sobre experiencias concretas de ese tipo de métodos.
Disertó tambiénla Sra. Eva Bojaĝieva, de Bulgaria, profesora de Química y Física, sobre el tema: **Equilibrio y mecanismos de regulación en el or- ganismo humano, y la influencia de las hormonas y las células, para la salud**, y la Sra. Margaret Furness, doctora de Medicina, de Aŭstralia, sobre la evolución de los fetos y su diagnóstico por medio de sistemas de ultrasonidos.
Mención especial merece la conferencia de nuestro compatriota el Sr. Miguel Fernández Martín, titulada: **Sobre las huellas de García Lorca**. Los esperantistas españoles ya tuvieron ocasión de conocer esa obra admirable, que él presentó en algún Congreso Nacional de Esperanto, y también en el último Congreso Asturiano de Esperanto, en Gijón. Este verano tuvieron los esperantistas extranjeros el placer de escuchar en Valencia la declamación de M. Fernández Martín, el cual, con un bello estilo, con recitación de poemas y entonación de algunas canciones de Lorca, describió la vida, la muerte, la obra y el entorno granadino de Feredico García, tan instructiva como entretenidamente.


Miguel Fernández Martín

*Ni daŭrigas la publikigadon de la historio de la Esperantista Movado de nia lando, komencita en la antaŭa numero. Ties aŭtoro, Luis Serrano Pérez, el Sabadell, volas rimarkigi ke la ĉefa fonto de lia dokumentado pri tiu ĉi temo estis la verko "Analoj de la esperanta movado en Hispanio" de Antonio Marco Botella.*

## Historio de la Esperanto-Movado en Hispanio

verkis: **Luis Serrano Pérez**

La akso Manresa-Terrassa-Sabadellestis impulsata prefere de modesta sed sufiĉe klera kolektivo de tiu industria zono. Oni aŭguris al ĝi la plej optimisman perspektivon. La movado evoluis laŭlonge de la jaro tiel favore, ke ĝi superis ĉion esperreblan, rompante eĉ plej optimismajn kalkulojn kaj situigante nian landon inter la plej privilegiaj el Eŭropo. Sed ni priskribu unue la rezulton de la kunveno de la H.S.p.p.E. okazinta la 15-an de januaro por renovigi ĝian estraron. La Hispana Societo por propagando de Esperanto (H.S.p.p.E.) estis fondita en la jaro 1903 far de la esperantistoj de Valencio kaj Murcio, kaj ties unua Prezidanto estis Ricardo Codorniu. Nun, du jarojn poste, post tiu kunveno en Murcio, la novaj estraranoj estos: Honora Prezidanto L.L.Zamenhof, Efektiva Prezidanto Ricardo Codorniu, Vicprezidanto Antonio López Villanueva, Sekretario Antonio Guinart, Kasisto Manuel Benavente. Aliaj estraranoj estis: V. Inglada, M. Monteagudo, R. Ayza, R.Duyos kaj Vidal. Dum tiuj unuaj tagoj de la jaro, la Valencia Esperanto-Grupo nomis kiel Prezidanton al S-ro Augusto Jimenez Loira. La Esperantista Grupo de Manresa S-ron Miguel Expectante Calvo kaj la Grupo de Murcio elektis S-ron Norman Maclean.
La tri gravaj eventoj de tiu jaro por la hispanaj esperantistoj, estis: Kultura festo en Murcio, kunveno de esperantistoj en la kataluna regiono, kaj la Universala Kongreso en Boulogne sur Mer (Francio).
1-a. En Murcio, okaze de la tricentjara datreveno de la apero de *La sprita Junkro Don Kiĥoto de Manĉujo* oni organizis kulturajn festojn kaj Beletrajn Konkursojn por honori la figuron de Cervantes. Niaj Murciaj samideanoj aktive partoprenis en tiuj celebradoj, kaj en la loka ĵurnalaro aperis iliaj artikoloj aludantaj Esperanton kiel kulturan faktoron de nia estonteco. Krom tio, la Maja numero de *La Suno Hispana* aperis dediĉata omaĝe al verkisto Cervantes, kaj ĉiu paĝo prezentis tradukon de verkoj de la plej elstara hispana verkisto, ĉu poemon, ĉu ĉapitron de *Don Kiĥoto*; ili estis subskribitaj de la plej elstaraj tiamaj esperantistoj: Vicente Inglada, Juan G.Martín, Norman Maclean, pastro Guinart, Rufino Unzaga, Luis Sánchez, Andrés Bravo del Barrio, Román Ayza, Rafael Duyos, Juan Ros Sudriá, Manuel Benavente, Luis Jiménez Alfaro, Antonio López Villanueva kaj Ricardo Codorniu.
2-a. La dua el la tri eventoj esperantistaj en tiu jaro, estis la kunveno aŭ pli ĝuste kunvenoj, kiujn organizis S-ro Paŭl Berthelot por la tuta katalunlingva regiono, kies celo estis kunordigi ĉiujn fortojn de katalunlingvanoj favore al Esperanto. Berthelot redaktis en kataluna lingvo bultenon *Espero de Katalunio* en Ceret, kataluna franca teritorio, kie li loĝis. Tiu bulteno publikigis la programon de la Unua

*Proseguimos la publicación de la historia del Movimiento Esperantista de nuestro país, iniciada en el número anterior. Su autor, Luis Serrano Pérez, de Sabadell, quiere hacer constar que su principal fuente de documentación fue la obra "Anales del Movimiento Esperantista en España" de D.Antonio Marco Botella.*

## Historia del Mov. Esperantista en España

**Luis Serrano Pérez**

El eje Manresa-Tarrasa-Sabadell fue impulsado principalmente por un colectivo, modesto pero bastante culto, de esa zona industrial. Se le auguró un futuro feliz. El movimiento evolucionó a lo largo de un año tan favorablemente que superó todo lo que era de esperar, sobrepasando las previsiones más optimistas y colocando a nuestro país entre los más privilegiados de Europa. Pero ante todo describamos el resultado de la reunión de la H.S.p.p.E. que tuvo lugar el 15 de enero para renovar su comité directivo. La Sociedad Española para la propaganda del Esperanto (H.S.p.p.E.) fue fundada el año 1903 por los esperantistas de Valencia y Murcia, y su primer presidente fue Ricardo Codorniu. Ahora, dos años después, tras esa reunión en Muarcia, los nuevos directivos serán: Presidente de Honor: L.L.Zamenhof; Presidente efectivo: Ricardo Codorniu; Vicepresidente: Antonio López Villanueva; Secretario: Antonio Guinart; Cajero: Manuel Benavente. Otros directivos eran: V.Inglada, M.Monteagudo, R. Ayza, R. Duyos y Vidal. Durante esos primeros días del año, el Grupo Esperantista de Valencia nombró como Presidente al Sr.D. Augusto Jiménez Loira. El Grupo Esperantista de Manresa al Sr. Miguel Expectante Calvo, y el Grupo de Murcia eligió al Sr. Norman Maclean.
Los tres acontecimientos importantes de esta año para los esperantistas españoles fueron: Fiesta Cultural en Murcia, reunión de esperantistas de la región catalana, y el Congreso Universal en Boulogne sur Mer (Francia).
1°. En Murcia, con ocasión del trigésimo aniversario de la aparición de "El Ingenioso Hidalgo Don Quijote de la Mancha" se organizaron fiestas culturales de Bellas Artes para honrar la figura de Cervantes. Nuestros colegas murcianos participaron activamente en las celebraciones, y en el periódico local aparecieron sus artículos aludiendo al Esperanto como factor cultural de nuestro futuro. Además de eso, el número de Mayo de *La Suno Hispana* (El Sol Español) apareció dedicado en homenaje a Cervantes, y cada página presentaba una traducción de obras del más distinguido autor español, sea un poema, sea un capítulo de "Don Quijote"; esos artículos iban firmados por los más destacados de los esperantistas de entonces: Vicente Inglada, Juan G.Martín, Norman Maclean, el cura Guinart, Rufino Unzaga, Luis Sánchez, Andrés Bravo del Barrio, Román Ayza, Rafael Duyos, Juan Ros Sudriá, Manuel Benavente, Luis Jiménez Alfaro, Antonio López Villanueva y Ricardo Codorniu.
2°. El segundo de los tres acontecimientos esperantistas en ese año, fue la reunión, o mejor dicho las reuniones, que organizó el Sr. Paul Berthelot para toda la región Catalano-parlante, cuyo objetivo era coordinar todas las fuerzas de los catalanoparlantes en favor del Esperanto. Berthelot redactó en lengua catalana un boletín "Esperanza de Cataluña" en Ceret, territorio de la Cataluña francesa, donde él vivía. Este boletín publicó el programa de la Primera Reunión General de Esperantistas, en Barcelona. Veintidos franceses se desplazaron allí. Entre ellos se encontraban, además de Berthelot, E.Boirac,

Generala Kunveno de Esperantistoj, en Barcelono. Dudek francoj veturis tien. Inter ili troviĝis, krom Berthelot, E.Boirac, Th.Cart, F-ino Jeanne Flaurence. Dum pluraj kunvenoj oni intencis fondi la nomatan "Federacio Esperantista de Katalunio", oni debatis pri la diversaj problemoj por starigo de memstara kataluna esperantista movado. Prezidis tiujn kunvenojn Berthelot, Boirac, Sabadell kaj Inglada, kaj en ili partoprenis reprezentantoj de pluraj katalunaj esperantistaj rondetoj. Oni organizis Literaturan Feston, kiu konsistis el deklamoj, kantoj, paroladoj en franca, kataluna kaj kastilia lingvoj, sed precize estis Esperanto la lingvo uzata; fine, oni prezentis komedieton de D'Hervilly *La Supujo* tradukita de S.Mayer. Por festofino de tiu kongreseto ĉiuj kunvenis en bankedo ĉe restoracio "Maison Doré". Barcelono sciis pri tiuj kunvenoj danke al la gazetaro, precipe "El Noticiero Universal", "La Vanguardia" kaj "El Liberal". Fakte oni devas atribui la sukceson al la partopreno de militistoj esperantistaj en la kunvenoj, ĉar ĝuste tiun jaron en Barcelono, la agresemo de certaj aŭtoritatoj kontraŭ katalunismaj medioj kaj personoj, estis speciale severa. Inglada, Ribot, González de Escandón kaj aliaj militistoj, ebligis per sia sola ĉeesto la okazigon de la renkontiĝo, tamen ili povis fari nenion kiam en monato novembro, certaj reakciaj militistoj malpermesis kurson de Esperanto, organizita de Pujalá i Vallés en la naciisma societo "Progrés". Pujalá, varbita por nia afero de Alfonso Sabadell apenaŭ antaŭ kelkaj monatoj, estis aktiva naciisto, kaj en tiu danĝera momento li devis forkuri al Francio, kie restis ekzilita dum jaroj, sed li daŭrigis sian strebadon por Esperanto kaj publikigis la unuan Esperantan Gramatikon en kataluna lingvo.

3-a. Ĝi estis la Unua Universala Kongreso de Esperanto okazinta en Boulogne sur Mer (Francio). Atentinda areto de hispanaj samideanoj partoprenis ĝin, kaj ĝia okazigo signifis transcendan paŝon antaŭen, ne nur ĉar oni starigis la necesan kunordigon de nia internacia Movado kaj ĝia organiza strukturo, sed ankaŭ kaj precipe, ĉar unuafoje homoj el pluraj landoj kaj diversaj lingvoj, kaj ne nur Eŭropanoj, publike kunvenis, konversaciis kaj eĉ debatis siajn problemojn per neŭtrala lingvo: la dubo ekzistanta dum tiuj unuaj jaroj post la apero de Esperanto, ke ĝi povus esti bela ideo sed praktike simpla fiasko aŭ utopio, ricevis per tiu unua Kongreso definitivan baton, kaj konkrete en Hispanio, la esperantistoj profitis post ĝi ĉiujn okazojn por publikigi en



L. L. ZAMENHOF
**kreinto de la Internacia Lingvo**

Th. Cart, Srta. Jeanne Flaurence. A lo largo de varias reuniones se intentó fundar la llamada "Federación Esperantista de Cataluña", se debatió acerca de los diversos problemas para creación de un movimiento esperantista catalán autónomo. Presidió estas reuniones Berthelot, Boirac, Sabadell e Inglada, y partiparon en ellas representantes de varios círculos esperantistas catalanes. Se organizó una fiesta literaria, consistente en declamaciones, cantos, discursos en francés, catalán y castellano, pero precisamente fue el Esperanto el idioma utilizado; finalmente se representó una pequeña comedia de D'Hervilly "La Sopera" traducida por S.Mayer. Como final de fiesta de este pequeño congreso todos participaron en un banquete en el restaurante "Maison Doré".

Barcelona fue informada de estas reuniones gracias a la prensa, principalmente El Noticiero Universal, La Vanguardia, y El Liberal. De hecho, se debe atribuir el éxito a la participación de militares esperantistas en las reuniones, ya que precisamente ese año en Barcelona, la agresividad de ciertas autoridades contra medios y personas catalanistas, fue especialmente severa. Inglada, Ribot, González de Escandón y otros militares, posibilitaron con su sola presencia la realización del encuentro, sin embargo ellos no pudieron hacer nada cuando en el mes de noviembre, ciertos militares reaccionarios prohibieron un curso de Esperanto, organizado por Pujalá i Valés en la asociación nacionalista "Progrés". Pujalá, reclutado para el Esperanto por Alfonso Sabadell apenas unos meses antes, era un nacionalista activo, y en ese peligroso momento él debió escapar a Francia, donde estuvo exiliado durante unos años, pero continuó su afición al Esperanto y publicó la primera Gramática de Esperanto en lengua catalana.

3°. El tercer acontecimiento fue el Primer Congreso Universal de Esperanto que tuvo lugar en Boulogne sur Mer (Francia). Un grupo considerable de colegas españoles participaron en él, y su celebración significó un gran paso adelante, no sólo por el hecho de que se estableciese la necesaria coordinación de nuestro Movimiento internacional y su estructura organizativa, sino también y principalmente, porque por primera vez hombres de diferentes países y diversas leguas, y no sólo europeos, se reunieron públicamente, conversaron e incluso debatieron sus problemas por medio de una lengua neutral; la duda que existía durante los primeros años tras la aparición del Esperanto, acerca de si se trataría de una idea que, aunque bella, en la práctica sería un simple fracaso o utopía, recibió por este primer Congreso un golpe definitivo, y concretamente en España, los esperantistas aprovecharon tras él todas las ocasiones para publicar en sus respectivos periódicos locales, la feliz novedad de ese gran acontecimiento que ellos

siaj respektivaj lokaj jurnaloj. la feliĉan novajon de tiu grava evento kiun ili prezentis kiel nekontesteblan pruvon de la utilo kaj praktikeco de la lingvo.
La solena Malfermo de la Kongreso okazis en la Teatro de Boulogne sur Mer, prezidate de D-ro. Zamenhof, la Urbestro kaj S-roj Michaux, Parjon, Cart, Sebert kaj Bourlet. D-ro Zamenhof faris belan paroladon en Esperanto, kiu entuziasmigis la ĉeestantaron; signifoplena estas tiu paragrafo kiam li diris: *post multaj miljaroj de reciproka surdamuteco kaj batalado, nun en Boulogne fakte komenciĝas en pli granda mezuro, la reciproka kompreniĝado de la diversaj popoloj membroj de la homaro, kaj unu fojon komenciĝinte, ĝi jam ne haltos, sed irados antaŭen ĉiam pli kaj pli potence ĝis la lastaj ombroj de la eterna mallumo malaperos por ĉiam.*
La trian tagon, 7-an de aŭgusto, Ĝenerala Kunsido, en kies prezida loko estis Ricardo Codorniu apud D-ro Zamenhof. Oni debatis kaj aprobis "Fundamentan Deklaracion por la Esperantistaro", en ĝi D-ro Zamenhof rifuzis por ĉiam ĉiujn personajn rajtojn kaj privilegiojn rilate al la lingvo Esperanto, kaj deklaris ĝin **nenies propraĵo**, je la servo de la tuta homaro. La kvaran kongrestagon, denove laborkunsido, por programi organizan strukturon kaj konsilindajn metodojn por aktivi en nia Movado. La 9-an de aŭgusto, lasta kongrestago, solena Fermo de la Kongreso. Kongreso en kiu oni decidis starigi Centran Oficejon en Parizo por kontrolo de la Movado.

### Novaj Eesperanto-Grupoj en Hispanio

Dum tiu jaro, la fervoro kaj obstina agado de niaj pioniroj atingis fondi en pluraj hispanaj urboj Esperantajn Rondetojn. Nepre menciindaj estas: La Coruña, Esperantista Grupo fondita de Manuel Monteagudo, kiun prezidis Pascual Perea; en Solana, alia grupo prezidita de Antonio Majo; en El Royo (Soria) la Grupon prezidis Florencio Arambilet; la Esperantista Grupo de Enfuera estis fondita kaj prezidita de Fernando Soler Valle; en Barco de Valdeorras (Orense) oni elektis unua Prezidanto S-ron N. Ameijeiras; en Barcelono fondiĝis la Esperantistaj Grupoj, "Verda Ĉambro" ĉe "Ateneo Enciclopédico Popular" kaj en monato decembro "Espero Kataluna". La revuo "Filatélico" de "Kataluna Filatelia Societo" publikigis Esperantan fakon kun klarigoj de la reguloj kaj vortaron de Esperanto, kaj la jurnalo "Joventut" de Barcelono, la 22-an de junio, enpresis en sia numero 280 artikolon de Pujalá i Vallés titolitan "Esperanto", kaj denove en la numeroj 289-290 aliajn artikolojn per kiuj la dirita samideano raportis al la legantoj pri la Kongreso de Boulogne sur Mer... En multaj aliaj hispanaj urboj, bravaj batalantoj por la afero strebis por starigi novajn rondojn, kiel en Alicante, kie la Majoro Miguel de Elizaicin, direktoro kaj fondinto de la ĉiusemajna revuo "Museo Exposición" atingis ke tiun jaron mem, Román Ayza Maquen, stabestro de la Sesa Divizio kaj estrarano de "Hispana Societo por propagando de Esperanto", gvidu du kursojn de Esperanto en la "Lernejo por Instruistoj de Alicante" kaj ankaŭ ĉe "Fomento de las Artes" de tiu Mediteranea urbo, aŭ kiel la advokato Emilio Gastón de Zaragoza, tiun jaron jam apartenanta al la H.S.p.p.E., kiu faris propagandon en sia Aragona medio favora al Esperanto.

### Publikigo de verkoj kaj presaĵoj en Esperanto dum tiu jaro (1905)

Aperis unuafoje en nia lando **Jarlibro de la hispana**

presentaban como irrefutable prueba de la utilidad y practicabilidad de la lengua.
La solemne Apertura del Congreso tuvo lugar en el Teatro de Boulogne sur Mer, presidido por el Doctor Zamenhof, el Alcalde Sr. Michaux, Parjon, Cart, Sebert y Bourlet. El Doctor Zamenhof pronunció un bello discurso en Esperanto, que entusiasmó a la concurrencia; fue muy significativo aquel párrafo por el que él dijo: *tras muchos milenios de recíproca sordomudez y lucha, ahora en Boulogne de hecho comienza en más alta medida, la recíproca comprensión de los diversos pueblos miembros de la humanidad, y una vez comenzado, ya no se detendrá, sino que avanzará siempre más y más potente hasta que las últimas sombras de las tinieblas eternas desaparezcan para siempre.*
Al tercer día, el 7 de agosto, tuvo lugar una Asamblea General, en cuya mesa presidencial estaba Ricardo Codorniu junto a Zamenhof. Se debatió y aprobó la "Declaración Fundamental para los esperantistas", y en ella el Doctor Zamenhof renunció para siempre a todos los derechos y privilegios personales sobre la lengua Esperanto, y la declaró **propiedad de nadie**, al servicio de toda la humanidad. Al cuarto día del Congreso, de nuevo reunión de trabajo, para programar una estructura organizativa y métodos aconsejables para desarrollar actividad en nuestro Movimiento. El 9 de agosto, último día del Congreso, Solemne Clausura del Congreso. Congreso en el que se decidió establecer una Oficina Central en París para el control del Movimiento.

### Nuevos Grupos de Esperanto en España

Durante ese año, el fervor y la obstinada actividad de nuestros pioneros lograron fundar en varias ciudades españolas Círculos Esperantistas. Es indispensable mencionar los de: La Coruña, Grupo Esperantista fundado por Manuel Monteagudo, que presidió Pascual Perea; en Solana, otro grupo presidido por Antonio Majo; en El Royo (Soria) presidió el Grupo Florencio Arambilet; el Grupo Esperantista de Enfuera fue fundado y presidido por Fernando Soler Valle; en Barco de Vardeorras (Orense) se eligió primer Presidente al Sr. N. Ameijeiras; en Barcelona se fundaron los Grupos Esperantistas "Verda Ĉambro" (Cámara Verde) en el Ateneo Enciclópedico Popular, y en el mes de diciembre "Espero Kataluna" (Esperanza Catalana). La revista "Filatélico" de la Sociedad Filatélica Catalana publicó una sección en Esperanto con aclaraciones de las reglas y glosario de Esperanto, y el periódico "Joventut" de Barcelona, el 22 de junio, imprimió en su número 280 un artículo de Pujalá i Vallés titulado "Esperanto", y de nuevo en los números 289-290 otros artículos por los cuales el mencionado colega presentó a los lectores un reportaje sobre el Congreso de Boulogne sur Mer... En otras muchas ciudades españolas, valientes luchadores de la causa pugnaron por establecer nuevos círculos, como en Alicante, donde el Comandante Miguel de Elizaicin, director y fundador de la revista semanal "Museo Exposición", consiguió que ese mismo año, Román Ayza Maquen, Jefe del Estado Mayor de la Sexta División y miembro de la dirección de la "Asociación española para la propaganda del Esperanto", dirigiese dos cursos de Esperanto en la "Escuela para Enseñanza de Alicante" y también en Fomento de las Artes de esa ciudad mediterránea, o como el abogado Emilio Gastón de Zaragoza, que ya pertenecía esa año a la H.S.p.p.E., el cual hizo propaganda en favor del Esperanto en su entorno aragonés.

### Publicaciones en Esperanto durante el año 1905

Apareció por primera vez en nuestro país el Anuario de los esperantistas españoles, conteniendo junto con las direcciones de todas las Asociaciones, y sus respectivos Presidentes y Secretarios, también las direcciones de todos los miembros de

esperantistaro, enhavanta kun siaj respektivaj adresoj, kaj nomojn de la Prezidanto kaj Sekretario de ĉiu el ili, ankaŭ la adreson de ĉiuj membroj de la Asocio. En "La Revuo" aperis **La Kristofiguro de la Luno**. Dua premio de la Unua Literatura Konkurso de la Movado, verkita de Vicente Inglada.
En Valencio estis eldonita **Tri ĉapitroj de Don Kiĥoto** de Cervantes, tradukitaj de Bourlet, Inglada. La nura gazeto en Esperanto aperinta ĉiumonate estis "La Suno Hispana", organo de H.S.p.p.E. Alia bulteno publikigita estis "Espero de Katalunio" presita en Ceret (Francio), sed distribuita precipe en hispana Kataluna teritorio, tamen nur aperis tri numeroj.


110. Pujula i Valles, Fco.

**1906. Multobliĝas niaj esperantistaj rondoj**
En Barcelono, kie je la fino de la antaŭa jaro oni fondis plurajn rondojn esperantistajn, du el ili speciale elstaris en sia propaganda tasko, kiam apenaŭ estis komenciĝinta 1906: "Espero Kataluna", prezidita de Joan Rosals, strato Portaferrisa 30, kies karaktero katalunisma kaj katolika altiris tuj multajn novajn adeptojn, kaj la "Esperantista Grupo Barcelona" kiun prezidis Alfonso Sabadell, Vicprezidanto estis Agustín Muntané, kaj Sekretario Augusto Pierre. Samideano A.Sabadell, apenaŭ reveninte de la Kongreso de Boulogne sur Mer, prelegis ĉe la plej gravaj kulturaj asocioj de Barcelono, klarigante ne nur la romantikan idealismon de Esperanto por la interkompreniĝo de ĉiuj homoj, sed ankaŭ la utilon de la lingvo por efektivaj uzoj de la ĉiutaga vivo.
Bilbao, kie Esperanto ne estis entuziasme akceptita je la unuaj momentoj, ŝanĝis sian opinion subite, danke al la deklaracioj favoraj al ĝi, kiujn en tiu urbo faris la sciencisto Torres Quevedo antaŭ la baska intelektularo. Do, ankaŭ en tiu jaro estis fondita la Grupo Esperantista de Bilbao, kies sidejo situis en strato García Salazar kaj la unua Prezidanto estis Teodoro Elizondo; Vicpredidanto Victor O. Allende, kaj Sekretario Rufino Unzaga. Aliaj urboj kaj vilaĝoj, kiuj en tiu jaro fondis siajn esperantistajn rondojn estis: Burgos, kies prezidanto estis Manuel Esteban, la "Esperantista Grupo de Kartaĥena", kiun prezidis Luis Calandra Lizana.
Same oni fondis novajn E-grupojn en Castellón, Foz, Laguardia (Jaén), Portugalete, Benicarló, Sabadell, Santiago de Compostela, Sestao, Tarancón, Tortosa, kaj eble aliaj kiujn ni malkonas tial ke ili ne estis oficialigitaj.
Speciale menciinda estis la aktivado de niaj samideanoj de La Coruña, Romualdo González y Manuel Monteagudo, kiuj faris pilgrimadon tra Galicio propagandante la Internacian Lingvon Esperanto kaj la pacan idealon de la esperantistoj: dum dek tagoj ili iris de urbo al urbo, de vilaĝo al vilaĝo, predikante nian aferon en propaganda kampanjo. En Vigo ili prelegis en Gimnazio, kaj la sukceson estis plena; poste ili vizitis plurajn urbojn kun simila rezulto, t.e. pretigi la fondon de Esperanta Societo. Fine, ili vizitis la urbon Santiago, kie ili kontaktis kun tieaj fervoruloj de nia afero, kaj kune kun ili organizis plurajn prelegojn en diversaj lokoj.


122. Sancho Izquierdo, M.

esas Asociaciones. En "La Revuo" (La Revista) apareció **La figura de Cristo de la luna**, Segundo premio del Primer Concurso Literario del Mov. Esperantista, cuyo autor fur Vicente Inglada. En Valecia fue editado **Tres capítulos de Don Quijote** de Cervantes, traducidos por Bourlet e Inglada. La única gaceta en Esperanto de aparición mensual fue "La Suno Hispana", órgano de la H.S.p.p.E.
Otro boletín publicado era "Espero Kataluna" impreso en Ceret (Francia), *pero distribuído principalmente en el* territorio catalán español, del cual sin embargo sólo aparecieron tre números.

**1906. Se multiplican nuestros círculos esperantistas**
En Barcelona, donde a fines del año anterior se fundaron varios círculos esperantistas, dos de ellos destacaron especialmente en su tarea de propaganda, apenas comenzado el año 1906: "Espero Kataluna", presidido por Joan Rosals, en la calle Portaferrisa, 30, cuyo carácter catalanista y católico atrajo al punto muchos nuevos adeptos, y el "Grupo Esperantista de Barcelona" presidido por Alfonso Sabadell; era Vicepresidente Agustín Muntane, y Secretario Augusto Pierre. El colega A.Sabadell, apenas vuelto del Congreso de Boulogne sur Mer, dio conferencias en los más importantes asociaciones culturales de Barcelona, explicando no sólo el ideario romántico del Esperanto para la comprensión de todos los hombres, sino también la utilidad del idioma para los usos efectivos de la vida diaria.
Bilbao, donde el Esperanto no fue entusiásticamente recibido en los primeros momentos, cambió su opinión repentinamente, gracias a las declaraciones favorables a él, que en esa ciudad hizo el científico Torres Quevedo ante la intelectualidad vasca. Así, también en ese año se fundó el Grupo Esperantista de Bilbao, cuya sede se encontraba en la calle García Salazar, y el primer Presidente fue Teodoro Elizondo; Vicepresidente Víctor O. Allende, y Secretario Rufino Unzaga. Otras ciudades y villas, en las que se fundaron en ese año círculos esperantistas fueron: Burgos, cuyo Presidente fue Manuel Esteban; el Grupo Esperantista de Cartagena, que presidió Luis Calandra Lizana.
Igualmente se fundaron Grupos de Esperanto, en Castellón, Foz, Laguardia (Jaén), Portugalete, Benicarló, Sabadell, Santiago de Compostela, Sestao, Tarancón, Tortosa, y posiblemente otros que desconocemos ya que no fueron oficializados.
Especialmente digna de mención fue la actividad de nuestros colegas de La Coruña, Romualdo González y Manuel Monteagudo, los cuales hicieron una peregrinación a través de Galicia haciedo propaganda del Esperanto y del ideal de paz de los esperantistas: durante diez días fueron de ciudad en ciudad, de aldea en aldea, predicando en campaña propagándistica a favor nuestro tema. En Vigo dieron una conferencia en un Instituto de Enseñanza, y el éxito fue completo; después visitaron varias ciudades con parecido resultado, es decir, preparando el establecimiento de una Asociación Esperantista. Finalmente, visitaron la ciudad de Santiago, donde contactaron con los simpatizantes locales del nuestro tema, y junto con ellos organizaron varias conferencias en diversos lugares.

# Finiĝo de la Komfort-socio

Verkis: Faustino Castaño Vallina
(Gijón, Hispanio)

Tre ofte dum la lasta tempo la informiloj: presaro, televido, k.a. prezentas la deklaraciojn de ekonomiistoj, politikistoj k.s., kiuj asertas ke finiĝas aŭ elĉerpiĝas tiu modelo de socio, aŭ periodo, nomata **Komfort-Socio**. Pli kaj pli ofte, hispanaj ministroj, kaj eĉ la Registar-Prezidento de nia lando, lasttempe informadas ke alvenas dura etapo por nia ekonomio, kaj ke jam ne plu eblas subteni la sociajn servojn kiuj karakterigis la tiel nomatan **Komfort-Socio**. Surprizige, tiuj pesimismaj anoncoj subite ekkomenciĝis post periodo dum kiu oni optimisme anoncis la aperon de **Nova Internacia Ordo**, kaj oni prezentis tiun novan etapon kiel feliĉa mondo de paco kaj ekonomia prospero.

En tiu ĉi kunteksto konvenas klarigi kio estas, aŭ pli ĝuste, kio estis la Komfort-Socio, kaj kion ĝi signifis dum la kelkaj jardekoj de ĝia ekzistado. La termino venis el la traduko de la anglligva esprimo *Welfare state*, kaj per ĝi oni intencis difini iun konkretan socio-tipon kiu ekzistis ekde la fino de la Dua Mondmilito en Okcidenta Eŭropo, kaj kies specifaj trajtoj estis la socia paco, la plenlaboreco kaj relative alta konsum-socio, samkiel la ekzistado de alta ŝtata interveno en la produktad-procezo kaj fortaj publikaj, ŝtataj, sociaj servoj. Iamaniere la Komfort-socio signifis interkonsento inter la sociaj klasoj, surbaze de *ekonomia disvolviĝo*. La posedantaj klasoj akceptis la redistribuadon, pere de la ŝtato, de la sociaj rentoj favore al la salajroj, kaj fiska politiko serve de tiu celo por certigi la socian pacon. Kiel pago de tiu cedo, la posedantaj klasoj postulis la ne-tuŝeblecon de la fundamentoj de la kapitalisma produktado: la senlima privata propraĵo de la produktad-rimedoj. Sur tiu bazo ili rekonis la politikajn kaj sindikatajn instituciojn de la proletaro. Ĉi tiu, siavice, akceptis tiun politikon de rentoj, kiu ebligis la kreskiĝon de ilia konsum-nivelo, kaj prokrastigis aŭ provizore forgesis la politikan diskutadon de la fundamentoj de la privata kapitalismo, t.e. ili, la laboristoj, prokrastigis la aferon de la socia revolucio, kaj atingis la rekonon de siaj propraj organizaĵoj -partioj, sindikatoj, k.s.- kiuj enkadriĝis en la institucioj de la ŝtato.

Tamen, kiam la popoloj de la malevoluintaj landoj de la Tria Mondo volis partopreni en la ĝuado de la fruktoj de la ekonomia disvolviĝo, al kiu multaj el ili kontribuis per sia nafto kaj aliaj krud-materialoj, oni perceptis la limojn de la Komfort-Socio. Laŭ la

# Final de la Sociedad de Bienestar

Faustino Castaño Vallina
(Gijón, España)

Ultimamente a menudo los medios de información: prensa, televisión, etc. publican las declaraciones de economistas, políticos y similares, que aseguran que se termina o agota ese modelo de sociedad, o período, llamado **Sociedad de Bienestar**. Más y más a menudo, ministros españoles, e incluso el Presidente del Gobierno de nuestro país, últimamente informan que llega una dura etapa para nuestra economía, y que ya no es posible sostener durante más tiempo los servicios sociales que caracterizaron la llamada **Sociedad de Bienestar**. Asombrosamente, estos pesimistas augurios comenzaron de repente tras un período durante el cual se anunció con optimismo la aparición de un **Nuevo Orden Internacional**, y se presentaba esa nueva etapa como un mundo feliz de paz y prosperidad económica.

En este contexto conviene aclarar qué es, o más exactamente, que fue la Sociedad de Bienestar, y que significó durante las décadas de su existencia. El término vino de la traducción de la expresión en lengua inglesa *Welfare state*, y por ella se intentaba definir un tipo concreto de sociedad que existió desde el final de la Segunda Guerra Mundial en Europa occidental, y sus rasgos específicos eran la paz social, el pleno empleo y una relativamente alta sociedad de consumo, al igual que la existencia de una alta intervención estatal en el proceso de producción y unos fuertes servicios sociales públicos, estatales. De alguna manera la Sociedad de Bienestar significó el acuerdo entre las clases sociales, sobre la base del *desarrollo económico*. Las clases poseedonras aceptaron la redistribución, por medio del estado, de las rentas sociales en favor de los salarios, y una política fiscal al servicio de ese objetivo para asegurar la paz social. En pago de esa cesión, las clases poseedoras reclamaron la intocabilidad de los fundamentos de la producción capitalista: la propiedad privada ilimitada de los medios de producción. Sobre esa base ellos reconocieron las instituciones políticas y sindicales del proletariado. Este, a su vez, aceptó esa política de rentas, que posibilitó el crecimiento de su nivel de consumo, y aplazó u olvidó provisionalmente la discusión política de los fundamentos del capitalismo privado, es decir, ellos, los trabajadores, aplazaron el tema de la revolución social, y consiguieron el reconocimiento de sus propias organizaciones -partidos, sindicatos, etc.- que se encuadraron en las instituciones del eŝtado.

Sin embargo, cuando los pueblos de los países subdesarrollados del Tercer Mundo quisieron participar en el disfrute de los resultados del desarrollo económico, al que muchos de ellos contribuyeron con su petróleo y otras materias primas, se percibieron los límites de la Sociedad de Bienestar. Según los planes de las clases dominantes del sistema, esos pueblos

planoj de la superregantaj klasoj de la sistemo, tiuj popoloj devus por ĉiam resti en sia mizera stato. Sed en Okcidenta Eŭropo kaj aliaj privilegiitaj zonoj, tiu politiko de la Komfort-Socio ebligis senprecedencan ekonomian disvolviĝon, kiu siavice ebligis relative efike la distribuon favore al la salajroj kaj la atingon de sociaj rajtoj de la laboristaro (sanec-servo, bonfaraj institucioj...), kaj oni atingis situacion de preskaŭ plen-laboreco, kaj la kapitalismo ŝajne akceptis la ŝtatan intervenon en la ekonomia planado. Do tiu interklasa pakto (implicita aŭ eksplicita) generis riĉegan konsumsocion neniam antaŭe ekzistintan.

Estas klare tio ke en Hispanio neniam ekzistis plena **Komfort-Socio** kiel ties de la riĉaj landoj de Okcidenta Eŭropo. Tamen, nedudeble plenregis en nia lando unu el la karakteraĵoj -kaj ne el la malpli gravaj- de la Komfort-Socio, t.e. la plenlaboreco, kaj dum la lastaj jardekoj oni atingis en nia lando ian kontentigan konsum-nivelon.

Sed ĉio-ĉi perdiĝas de nun iompostiom, tiel en Hispanio kiel en la ceteraj Eŭropaj landoj, dum la ekonomia situacio malboniĝas ankaŭ en Usono, Kanado, Japanio... kie ekzistis similtipa konsumsocio. La unuaj indicoj de la ruiniĝo de tiu mondo, estis la likvido de la socialista bloko, de la komunistaj reĝimoj de Orienta Eŭropo. Dum la stabila periodo de la komunista regado, ekzistis en tiuj socialistaj landoj labor-sekureco, kaj estis certigita ankaŭ la klerigado por ĉiu infan(in)o kaj la loĝejo, eĉ se modesta, por ĉiu familio, samkiel la sanecservo por ĉiu civitano. La homoj de tiu socio alkutimiĝis al tiuj rajtoj kaj pensis ke ili estis ne-perdeblaj, kaj sekve ili malaprezis tiujn bonaĵojn kaj emis la konsum-nivelon de la riĉa socio de Okcidenta Eŭropo, tute ne-ebla por ili. Ankaŭ la laboristoj de Okcidenta Eŭropo alkutimiĝis al la Komfort-Socio kaj ne pensis ke tio estis rekta rezulto de la ekzistado de la socialista bloko. Se ne estus ekzistinta la kom.reĝimoj, la kapitalismo de Okcidento ne estus rezigninta pri la redistribuado de la rentoj dum la **Welfare-state**-periodo. Nun jam ne plu ekzistas Sovetunio kaj la Socialista sistemo, do la okcidenta kapitalistaro reprenas sian ekonomian kaj politikan povon, finiĝas la teatraĵo de la Komfor-Socio, kaj la laboristaro -oriente kaj okcidente- restas en tre malfavora situacio.

Nun ni troviĝas en la situacio kiam la laboristklaso kaj aliaj popolaj tavoloj de ĉiuj evoluintaj landoj devas rekonsideri tiun lastan historian periodon kaj reformuli siajn celojn. Fakte, ekde antaŭ proksimume duonjarcento, tiuj klasoj rifuzis plenumi kaj entrepreni la socian revolucion necesa por liberigi la tutan homaron el la ekspluatantaj klasoj.

debían quedar para siempre en su estado de miseria. Pero en Europa occidental y otras zonas privilegiadas, esa política de la Sociedad de Bienestar posibilitó un desarrollo económico sin precedentes, el cual a su vez posibilitó con relativa eficacia la distribución en favor de los salarios y la consecución de derechos sociales para los trabajadores (seguros de enfermedad y otras instituciones de beneficencia), y se alcanzó una situación de casi pleno empleo, y el capitalismo a parecer aceptó la intervención estatal en la planificación económica. Así pues, ese pacto interclasista (implícito o explícito) generó una opulenta sociedad de consumo nunca antes conocida.

Está claro que en España nunca existió una plena **Sociedad de Bienestar** como la de los ricos países de Europa occidental. Sin embargo, indudablemente dominó en nuestro país una de las características -y no de las menos importantes- de la Sociedad de Bienestar, es decir, el pleno empleo, y durante las últimas décadas se alcanzó un satisfactiorio nivel de consumo.

Pero todo esto se pierde desde ahora poco a poco, tanto en España como en el resto de los países europeos, mientras la situación económica empeora también en EE.UU., Canadá, Japón... donde existió una sociedad de consumo del mismo tipo. Los primeros signos de la ruina de ese mundo, fueron la liquidación del bloque socialista, de los regímenes comunistas de Europa oriental. Durante el período estable de la administración comunista, existió en esos países socialistas seguridad en el empleo, y también estaba asegurada la enseñanza para todos los niños, y la vivienda, incluso si modesta, para toda familia, al igual que la seguridad social por todos los ciudadanos. Los hombres de esa sociedad se acostumbraron a esos derechos y pensaron que ya no se podrían perder, y en consecuencia no los apreciaron debidamente y aspiraron al nivel de consumo de la sociedad opulenta de Europa occidental, totalmente inasequible para ellos. También los trabajadores de Europa occidental se acostumbraron a la Sociedad de Bienestar y no pensaron que eso era una consecuencia directa de la existencia del bloque socialista. Si no hubiesen existido los regímenes comunistas, el capitalismo de Occidente no se hubiese resignado a la redistribución de las rentas durante el período del **Welfare-state**. Ahora ya no existe la Unión Soviética y el sistema Socialista, por lo tanto los capitalistas de Occidente retoman su poder político y económico, se termina la comedia de la Sociedad de Bienestar, y los trabajadores -en Oriente y en Occidente- quedan en una situación muy desfavorable.

Ahora nos encontramos en una situación en que la clase trabajadora y otras capas populares de todos los países desarrollados deben reconsiderar ese último período histórico y reformular sus objetivos. De hecho, desde hace aproximadamente medio siglo, esas clases rehusaron realizar y emprender la revolución social necesaria para liberar a toda la Humanidad de

